VIa jaro. N-oj 83-84 Unu numero : 6 SPESDEKOJ (15 centimoj) 5-20 Aŭgusto 1910

# ESPERANTO

OFICIALA ORGANO DE UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

KAJ DE INTERNACIA INSTITUTO DE ESPERANTO

Duonmonata Internacia Gazeto

*Direktoro :* ***HECTOR HODLER***

**ABONO**

Jara Abono. . . . . . . . . . . . . . 1,60 $ (4 frankoj)

La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato. Oni akceptas nur unujarajn abonojn. Oni abonas ĉe la Administrejo, Esperanto-Oficejoj kaj lokaj Agentoj.

**Redaktejo & Administrejo :** *10, rue de la Bourse,* **GENÈVE (Svisujo).**



## Nia Unua Kongreso

Plena sukceso respondis la maltiman provon aranĝi, nur post dujara ekzistado de nia Asocio, unuan universalan kongreson.

Dum semajno, pli ol cent kvin dek samideanoj — ne enkalkulante la multnombrajn Augsburgajn Esperantianojn — kiuj estis alveturintaj el dek kvin landoj ne nur kunvenis kaj parolis Esperante, sed precipe laboris per Esperanto. Pri tio ke nia Kongreso laboris ĉiu povos konvinkiĝi legante en ĉi tiu jurnalo koncizan raporton pri niaj kunsidoj : Okazis ok laboraj kunvenoj dum kiuj estis diskutitaj kaj akceptitaj pli ol sepdek deziresprimoj pri ĉiuspecaj temoj. En ĉiuj diskutoj, viglaj sed konstante amikaj, partoprenis oratoroj el ĉiuj landoj. Ni kompreneble ne intencas insisti pri tiu Esperanta flanko de nia Kongreso, kiu estas ja komuna al ĉiu Esperantista Kongreso, sed dum en ĉi tiu lasta oni zorgas precipe pri ekstera propagando kaj pruvado de la parolebleco de la lingvo Esperanto, en nia Esperantia Kongreso oni laboris sur preciza kampo per Esperanto kaj sub la influo de la Esperantisma idealo, tute same ksel nacianoj laboras per sia nacia lingvo kaj sub la influo de la Esperantisma idealo. Kaj vere, ĉeestante niajn kunvenojn, aŭskultante la diversajn parolantojn, konstatante la spiritkomunecon de la Kongresanoj en ĉiuj ĝeneralaj demandoj, oni jam havis la impreson, ke ne parolas reprezentantoj de malsamaj landoj kun sia propra pensmaniero kaj propraj priokupoj, sed homoj de sama rondo, kun tuthomara pensmaniero kaj celado. Ne malpli rimarkinda estis la spirito de reciproka konfido kaj samideaneco, kiu regis dum la Kongreso. Plena egaleco inter ĉiuj kongresanoj ; nenia entrudema oficialeco kaj etiketo.

La Kongreso, laŭ sia celo mem, fiksis la ĝeneralan agadplanon por la venonta jaro kaj esprimis sian opinion pri demandoj tre gravaj por la disvolvo de nia Asocio : revizio de la Statuto laŭ la plano proponita de la Komitato, fiksado de la diversaj kotizajoj, kreo de aprobantoj kaj dumvivaj membroj, starigo de Konsuloj por laboristoj kaj studentoj, kreo de Esperantia biblioteko, k. t. p. Dank'al la deziresprimoj de la Kongreso, la Komitato havas pretan ĝeneralan planon de laboro por la venonta jaro kaj por ĝia plenumo certe uzos la tre utilajn montrojn liveritajn de la dumkongresa interŝanĝo de ideoj.

Estas ankaŭ atentinda fakto, ke la Kongreso pritraktis ne nur pure Esperantiajn temojn, sed ankaŭ diskutis pri diversaj demandoj koncernantaj la plifaciligon de la interhomaj rilatoj kaj sekve proksimaj al nia celado. La Kongreso ekzemple voĉdonis deziresprimon por la disvastigo de la Monoformata sistemo kaj por la reformo de la Kalendaro, laŭ la projekto voĉdonita de la Kongreso de la Komercaj ĉambroj, kaj tiamaniere elmontris sian deziron kunlabori kun paralelaj progresaj movadoj por la atingo de nia celo.

Kvankam nia Kongreso estis labora Kongreso, ni ne devas forgesi la festan parton, kiu tute ne estis forgesita. Ĉu dum la vesperfesto en Kohben, ĉu dum la belega ekskurso al Füssen, ĉu dum la vesperaj senĝenaj babiladoj, la ĉeestantaj Esperantianoj havis kaj uzis multajn okazojn por interkonatiĝi kaj plekti unu kun la alia ligilojn de daŭra simpatio. Fine de tiu plensukcesa Kongreso, ni havis la klaran impreson ke nia Asocio faris grandan paŝon antaŭen, ke laboras nun por ĝi ĉiam pli imponanta anaro, ke ĉiutage kreskas la nombro de la homoj, kiuj konscias pri ĝia celado kaj al ĝi dediĉas sian forton, ĉar ili sentas sin sur certa vojo.

Plej varman dankon ni ŝuldas al ĉiuj personoj, kiuj helpis al la sukcesigo de tiu unua manifestacio : al la fervoraj Augsburgaj aranĝintoj, al la helpkongresanoj, kiuj per sia subtenado multe faciligis nian taskon, al la Esperantianoj kiuj ne timis veturi el malproksimaj landoj por ĉeesti la Kongreson. Al ĉiuj koran dankon, kaj ĝis revido ĉe la *Dua*, por kies sukceso ni tuj de nun laboru.

U. E. A.

## SOCIA VIVO

### KOMERCO

#### Brazila Kaŭĉuko

La plej bonega kaŭĉuko devenas de arbo el la familio de l'Eŭforbikreskaĵoj. La kaŭĉukujoj troviĝas riĉe kaj sammezure dissemataj, sed ĉiam izolataj, en la granda riveraro de l'Amazonoj, kie ili atingas alton da 20-30 metroj. La brazila parto de l'riveraro havas la sciencan nomon Hyldeo, superanta laŭ vasteco Eŭropan Ruslandon kaj formanta praarbaron nur malofte maldensigatan de herbejoj. Ĉi-tie ekzistas nek vojoj, nek fervojoj, sed la riverveturado ilin anstataŭas, tamen multfoje dependanta de l'akvalteco. La regiono ĉirkaŭprenas la ŝtatojn Parao, Amazonas kaj la teritorion Akro, apartenantajn al Brazilo kaj havantajn nur unur loĝanton po du kvadratkm.

La loĝantaro konsistas pleje el indianoj kaj kabokloj, kiuj sin okupas, je kaŭĉukkolektado, krom je ĉasado kaj fiŝkaptado; ĉar la praarbaro kaj la multnombraj riveroj posedas riĉan bestaron, plie, la ĉitiea vegetaĵaro ĉiam prezentas manĝeblajn bongustajn fruktojn. Oni renkontas kajutojn sur altaj riverbordoj de l'riverego de l'Amazonoj kaj sur tiuj de kelkaj alriveroj, de kie la loĝantoj povas pli rapide boatveturi al la kaŭĉukujaroj. Ĉiuj dometoj estas necesaj, ĉar dum monatoj multe da mejloj da ĉirkaŭaĵo estas ĉiujare inundataj. Malmultaj kaŭĉukistoj laboras por sia konto, sed pleje por entreprenistoj okupantaj centojn da personoj. La laboro ĉiam fariĝas pli peniga kaj pli danĝera, ĉar oni iam pereigis la kaŭĉukujarojn sur la proksimaj bordoj, malvivigante la arbon de kiu oni unufoje eltiris la sukon kaj ne kompensante la perdon per plantado.

La plej prospera tempo por la kolektado estas ĉe akvalteco ebliganta veturi per boatetoj al la plej malproksimaj bordregionoj ankoraŭ ne ekspluatitaj ; alie, ĉe malprofundeco la kolektistoj devas piediri en la praarbaron, kie troviĝas ne nur venenaj bestoj kaj malamikaj sovaĝuloj, sed ankaŭ mortigaj febroj kaj miasmoj sub la influo de l'varmego. La kaŭĉukistoj, renkontinte profitan kaŭĉukujaron, vundas laŭ vico per borilo aŭ hakileto certan nombron da arboj kaj sub ĉiun vundon metas pladeton por akcepti la gluan, laktaĵan fluaĵon, poste, de l'unua ĝis la lasta arbo, komencas malplenigi la pladetojn intertempe pleniĝintajn en unu poton, trempante ŝtipon, sur kiu la suko dike algluiĝas. Eltirinte la ŝtipon el la poto, ili ĝin movas super fumo de palmfruktoj subbruletantaj ĝis la suktego kazeiĝis en brunan mason, apartigante ĉi-tiun per tranĉilo. Aliaj ŝutas la sukon sur tavolon kaj fumaĵas ĝis la kazeiĝo. Suko kazeiĝinta antaŭ la fumaĵado sentaŭgiĝas por kaŭĉuko, tial ĉi-tiu procedo devas realiĝi la saman tagon. La diritaj manipuloj produktas la diversajn formojn kaj kolorajn nuancojn, sub kiuj la kruda kaŭĉuko aperas en la komerco. Antaŭ nelonge la brazila registaro konsentis subtenon por eksperimenti novan procedon, pri kiu oni diras, ke nun ĝi ebligas eksporti puran kaŭĉukon.

La laboristo povas fari 10-15 kg. da kaŭĉuko po tage, kio prezentas altan sumon. Tamen nur malmultaj akiras havon, kion kaŭzas la altaj prezoj de ĉiuj importaĵoj kaj de la vivnecesaj nutraĵoj ; cetere, malfavoraj akvoproporcioj por la boatveturado monatdaŭre malhelpas ian laboron en la kaŭĉukujaroj, kaj apude malsanoj ofte okazas en ĉi-tiu malseke varmega, malsaniga klimato.

Amasiginte grandan kvanton, oni per boatoj ĝin transportas al la malproksimaj tenejoj. La pli multo de la komercaĵoj iras Manaoson, ĉefurbo de Amazonaso, kuŝanta apud la Rivero Nigra, 20 km. super la kunfluiĝo kun la Riverego de l'Amazonoj, kiun grandaj marŝipoj povas ĉiam veturi por ŝarĝi kaŭĉukon kaj rekte transporti Hamburgon kaj Liverpoolon.

Mandoso fariĝis per sia kaŭĉukkomerco riĉega urbo, havanta preskaŭ Eŭropan aspekton, kie ĉiu povas gajni multe da mono; tamen nutraĵoj estas treege karaj.

La kaŭĉuko fondas ne nur la riĉecon de l'nordŝtatoj, sed ankaŭ estas ŝatinda ŝtatenspezo de l'tuta respubliko, kaj mi opinias, ke se tio ankaŭ en la estonteco daŭros, la vasta Hylaco kun siaj tre multnombraj kaŭĉukujoj restos la ĉefa liveranto de l'plej bona kaŭcuko, kiu fariĝas ĉiam pli necesa por la industrio kaj estos neniam superata de similaj produktaĵoj el aliaj landoj, tial ke ĉi-tiuj ne posedas la egalajn naturajn ecojn.

F.-E. Thierack (Del. Sao Leopoldo).

#### Pri asfalto

Dum kunveno, kiu okazis antaŭ nelonge en Travers (Neuchâtel, Svisujo), la Esperantistoj de Kantono Neuchâtel estis invititaj viziti la maŝinaron kaj minejon de *The Val-de-Travers Asphalte Paving Compagny* (Kompanio por asfalt-pavimado de Valo-de-Travers). Tiu vizito dum kiu la direktoroj de la fabriko treafable akceptis kaj gastis niajn samideanojn instigis min doni kelkajn detalojn pri tiu fabrikado, kies produktaĵoj estas uzataj en multaj ĉiulandaj urboj por pavimi la stratojn, trotuarojn, kortojn, k. t. p.

Asfalto estas miksaĵo de pura bitumo kun kalkŝtono. En kelkaj lokoj oni trovas tiun miksaĵon en natura stato; kredeble dum antikvaj pratempoj, provizoj de bitumo enpenetris kaj ensorbiĝis en tavolojn de kalkŝtono, kaj nun oni ekspluatas tiun bitumizitan kalkŝtonon precipe en Valo-de-Travers, kie minejo de tiu *natura asfalto* estis malkovrata en 1710, kaj nuntempe liveras ĉiujare milojn da toneloj da asfalto. Tiu natura asfalto estas tre riĉa je bitumo kaj envahas ĉirkaŭ 12 0/0 da ĝi.

La minaĵo eltirata el la profundaj subteraj galerioj estas poste hejtita en grandaj fornoj kaj pulvorigita per maŝinoj ; poste por pli facila transportado en eksterajn landojn oni formas el la brune-nigra asfalta pulvoro brikojn 6-7 kilogramajn. Por pavimi la stratojn oni uzas la asfaltan pulvoron puran ; ĝi estas etendita sur fundamento el betono kaj premegita per varmigitaj pistiloj ; por la trotuaroj kaj kortoj, kiuj malpli suferas de la veturilado oni aldonas al la pulvoro novan kvanton da bitumo, kaj ricevas tiel nigran kaĉon duone fluidan, kiu oni facile etendas je maldika tavolo.

Sed la natura asfalto ne estas ĉiam samspeca, la proporcio de bitumo estas varia kaj malpuraĵoj estas oftaj en ĝi. Tial de longe, kemiistoj kaj inĝenieroj serĉis rimedon por artefabriki asfalton el puraj materioj, kun konsisto adaptebla el la klimato kaj uzoj sed havanta ĉiujn avantaĝojn de l'natura asfalto. Sinjoro J. Winter Pattison, angla inĝeniero, kiu iam direktis la minejojn de natura asfalto en Valo-de-Travers, post longa studado kaj eksperimentoj eltrovis tiun rimedon kaj fariĝis direktanto de nova kompanio kaj fabrikejo, kie oni unu ekspluatas lian patentitan artifikon.

El minejo ankaŭ kuŝanta apud vilaĝo Travers, oni eltiras blankan kalkŝtonon tiel molan ke la truoj por minpulvo povas esti borataj mane per speco de grandaj boriloj. Tiu kalko estas kondukata al la fabriko, kie maŝinoj elektre movataj pulvorigas ĝin. Certa kvanto de tiu pulvoro preskaŭ simila al kreto, estas tre varmigita per vaporo en formo, kaj tie miksita kun certa kvanto de bitumo pura, alvenanta de Venezuela, kie la kompanio posedas verajn fontojn de natura bitumo. Oni tiel fabrikas asfalton, kiun oni nomas *artefarita asfalto*, sed kiu ne povas esti kemie diferencata de la plej bona natura asfalto kaj kiu havas ĉiujn propraĵojn de tiu lasta. Estas kiel Esperanto, kiu kvankam artefarita estas tamen tute identa al natura lingvo. La tiel fabrikata asfalto estas uzata tute, kiel mi diris pri la natura ĉi-supre, krom tio ke ĝi estas pli homogena ĉar ĝia proporcio de bitumo estas senigita je ĉia ajn malpureco. Jam de dudek jaroj ĝi estis provita en multaj landoj kaj ĉiam sukcese.

Fine oni fabrikas ankoraŭ el ĝi novan produkton t. e. kahelojn el premegita asfalto. Per forta hidraŭlika prenegilo, oni formas diversampleksajn tre praktikajn kahelojn, kiujn oni unue uzis por pavimi multajn stratojn en Parizo. Kiel ordinhara asfalta tavolo, tiu pavimo el asfastaj kaheloj estas elasta, nesonora por la rulado de veturiloj kaj tamen tre longedaŭra ; plie ĝi tute ne akceptas malsekecon kaj estas tial tre higiena por kortoj aŭ haloj. Ĝi profite anstataŭas la kahelojn el cemento aŭ bakita pottero ĉar ĝi ne rompiĝas facile kaj ne estas tiel malvarma por tiuj kiuj devas stari sur ĝi. Oni do pli kaj pli uzas tiun pavimon ne nur por trotuaroj, staloj, keloj kaj dokoj sed ankaŭ por lernejoj, kazernoj, laborejoj kie multaj personoj devas restadi. Cetere en okazo de riparo la kruda materio ne estas perdita kaj povas esti reuzata por fabriki novajn kahelojn.

Jen kion ni lernis vizitante la fabrikon de artefarita asfalto, sistemo Pattison.

La subskribinto estas preta transdoni al tiu fabriko ĉian informpeton aŭ demandon.

G. Stroele (Del. en Neuchâtel, Svisujo).

#### Tutmonda produktado de la petrolo

Per la suba statistiko ni povas prezenti al ni kiom da petrolo ni bezonas por nia ĉiutaga vivo. Cetere, la elektra lumigado ne kaŭzas tro grandan malgajnon al sinjoro amerika reĝo de l'petrolo.

Laŭ nova statistiko, la tutmonda produktado de la petrolo estis en la lasta trijaro proksimume 100 milionoj da milkilogramoj. En 1906, estis eltirataj 27.680.000 milkilogramoj, en 1907, 33.660.000 milkilogramoj kaj en 1908, eĉ se mankas certaj informoj pri la produktado en kelkaj landoj, tamen kalkulante ankaŭ por tiuj la progresiva kreskado de jara produktado oni povas konstati ke la produktado atingis la nombron da 38.660.000 milkilogramoj proksimume.

La disdono de la produktado laŭ la diversaj ŝtatoj estas la sekvanta :

| | En 1906 milkilg. | En 1907 milkilg. | En 1908 milkilg. |
|---|---|---|---|
| Usono | 16.000.000 | 20.000.000 | 22 000.000 |
| Rusujo | 8.000.000 | 8.000.000 | 7.500.000 |
| Sundaj Insuloj | 1.000.000 | 2.200.000 | 2.300.000 |
| Galicio | 760.000 | 1.400.000 | 1.600.000 |
| Rumanujo | 890.000 | 1.400.000 | 1.600.000 |
| Okcidenta Indio | 500.000 | 550.000 | 600.000 |
| Japanuko | 180.000 | 270.000 | — |
| Meksiko | 100.000 | 130.000 | — |
| Kanado | 80.000 | 110.000 | — |
| Germanujo | 80.000 | 110.000 | — |
| Aliaj landoj | 90.000 | 90.000 | — |
| | 27.280 000 | 33.660.000 | 35.600.000 |

Josefo Ipaviz (Sub. U. E. A. Gorizio, Aŭstrio).

### GEOGRAFIO

#### Preter la civilizejo : la Brazilaj indiĝenoj (Sekvo)

Kion fari? Kun siaj nunaj edukantoj, tiuj popoloj ne atingos baldaŭ harmonion kun la postuloj de la civilizeco. La katehigo, tiom laika kiom klerika, devigata uzi la devigon por starigi ordon en siaj vilaĝoj, ne atingas — nek atingos iam — alian rezultaton ol hipokritecon kaj kaŝemon, samtempe kun nekredebla disvolviĝo de ĉiaj malvirtoj naturaj kaj civilizaj. Regantoj kaj pastroj tion konfesas maldolĉe, ne publike, ĉar ili bezonas daŭrigi la eraron, sed en konversaŭoj privataj kie la koro elverŝas siajn amaraĵojn. De l'monumenta laborado de Conto de Magalhaès restis nur elreviĝoj, kaj la misiistoj scias, ke sufiĉus bloveto de arbeja vento por fari el iliaj pacaj lernantoj terurajn ribelantojn. Fruktoj neeviteblaj de l'uzata metodo.

Tial ke ĝis nun ni estis nekapablaj alsimiligi al ni tiujn rasojn, oni parolis pri ilia tuta neniigo. Doloro estas, sed tiun opinion eldiris eĉ rimarkinda sciencisto, Hermann von Shering. Tiel la kondukisto ebria batas la ĉevalon tial ke li ne scias gvidi ĝin. Dum ni ne havos fabrikejojn kiuj liveros al ni tipojn homajn laŭ plaĉo de l'naturalistoj, ni ne povas decidi tiel neniigon de partoj ne plej malbonaj de l'homara materialo. Kiel malsuperaj oni taksas la arbejulon, estas facile trovi, eĉ en la klera Germanlandor, egalan nombron da homaj estaĵoj, blankaj, kun fiziologiaj karakteroj tre malsuperaj je tiuj de la belaj filoj de l'arbaro. Ĉar se mankas al ili tradicioj kiel la niaj, mankas ankaŭ la fizikaj signoj kiujn enpresis en niaj rasoj tiom da jarcentoj da peniga eksperimentado socia kaj morala. Komparante la nunan popolaĵon kie portugalo degenerita pro malĉasto, kun negro degenerita pro sklaveco naskis multaton degeneratan pro alkoholo, fronte la bugro eleganta, forta kaj sana, oni demandas sin kiun, je nomo de socia profilaksio, estus pli bone oferi. La diferenco de religio ne estas argumento, ĉar la popolo pseŭdokristana konfesas nur fantazian politeisman kie *Len Divino, Sad Menins,* nia Sinjoro kaj nia Sinjorino estas diaĵoj tre malmulte similaj je tiuj de l'katolikismo. La homa historio ne prezentas al ni, en la plej malproksimaj epokoj konataj, socian medion kompareblan je tiu modelo de ni donata por edifo de l'indiĝeno. La rezultatoj, tial, ne estas mirindaj.

Se oni volus utiligi por la hamaro tiujn rasojn primitivajn, la sola rimedo estas tiu, kiun liveras al ni la metodo liberema. Ĝi konsistas meti ilin libere je kontakto de civilizeco kaj moralo vere supera je la iliaj por ke la plej inteligentaj komprenu, ke la laboro estas utila kaj profita, ke veremo kaj sincereco estas pli lertaj ol mensogo kaj kaŝemo, por ke, fine, ili faru pli rapide kaj senhezite la eksperimentojn necesajn por alveni al la moderna virteco, kiel la knabo lernanto, rigardante la lernejtron, resumas dum nemultaj monatoj ĉion, kion lernis la homaro dum jarcentoj kaj jarcentoj de peniga lernado. Por tio estas necese ke la civilizitaro sendu apud ilin, anstataŭ ĝian sterkon kiel hodiaŭ, grupojn elektitajn el la pli taŭgaj por tia alta misio. Ili ne devas tien iri kun intenco instrui, direkti, devigi iel ajn la spontecon de la indiĝenoj, sed ja vivi antaŭ ili je maniero plej plena, plej homa laŭ ebleco de la cirkonstancoj por igi ilin vidi, palpi kaj kompreni la superecon de vido civilizata. Nur tiamaniere oni povas esperi igi ilin efikajn kunlaborantojn de l'komuna verko de la homoj sur la tero, anstataŭ lasi ilin fariĝi danĝero por la progreso kaj nevenkebla elemento de retroiro. Ĉia ajn alia metodo estus utopia kaj senfrukta.

P. Berthelot.

#### La Sudafrika Unio

La 31 an de majs 1910 okazis solena proklamo de la « sudafrika Unio », konsistanta el la kvar ĝis nun aŭtonomiaj anglaj kolonioj en la Sud-Afriko, el Kaplando, Natalo, Transvalo kaj Oranio. La kuniĝo de tiuj malnovaj anglaj kolonioj kun la almilititaj antaŭ nemultaj jaroj en unuecan tutaĵon, faras okazon, pri kiu Anglujo povas esti fiera kiel pri la precipa frukto de sia regadarto kaj sia toleremo. Apenaŭ dek jaroj pasis post la neordinare sanga kaj malamika batalo inter Anglujo kaj tiamaj boeraj respublikoj, post tempo, kiam la kontraŭstaroj inter ambaŭ nacieco], regantaj en Sud-Afriko, estis tiel grandegaj, ke neniu kuraĝus pensi pri la ebleco ilin forigi, kaj nune jam tiuj, kiuj antaŭ ne longe sentis sin malamikoj, donas siajn manplatojn, por sub la Grandbrituja registaro labori en konsento kaj komuneco por la defendo de siaj interesoj kaj sia disvolviĝo.

Fronte la ministreco de la « Unio » stariĝis generalo Botha, eksa ĉefkondukiato de la boera armeo dum la batalo kun Anglujo. krom li posedas Transvalo en la ministraro ankoraŭ du reprezentantjon, la estinta Orania respubliko du, Natalo du, kaj Kaplando, simile al Transvalo, tri reprezentantojn.

La invito de la Transvalano gen. Botha al la ĉefeco de la registaro en la novstarigita unio estas fakto precipe atestanta pri grandeco de la konfido, kiun montras Anglujo al la boera popolo, kaj ne malpli pri la preteco de la Boeroj, venkitaj dum la milito, al la paca kunlaborado kun la venkintoj.

Efektive nune jam en Sud-Afriko ne estas venkitoj kaj venkintoj. Estas nur du naciaj grupoj, sin reciproke estimantaj, aldirantaj al si reciproke ĉiujn rajtojn. sekvantaj el la nacieca aparteco, kaj komprenantaj bezonon kaj intereson komunan de la paca laboro.

La penso krei federacion eliris ĝuste el Transvaal (Transvalo), la plej riĉa, la plej homplena kolonio, kaj unua prenis ĝin en la konkretajn formojn generalo Botha. El tio same sekvas la invito, por ke li prezidu la ministraron. Sed, se holandaj Boeroj, malgraŭ sia sendependamo kaj malgraŭ la nelonga sanga batalo, eksentis la bezonon triki la pli fortajn ligilojn kun la antaŭ kelke da jaroj ankoraŭ malamikaj kolonioj anglaj kaj kuniĝi kun ili en unu ŝtaton sub la regado de la angla reĝo, ĝi okazis nun tial ke pri la ĝisnunaj anglaj regadoj ili ĉerpis certecon, ke sub ĝi al ili neniam minacas la danĝero pri la nacia premo, sed kontraŭe, ke rezignante sian ŝtatan sendependecon, sub tiuj regadoj ili akiros ĉian eblecon de la libera disvolviĝo same nacia kiel ekonomia.

La kvar unuigitaj nune Sudafrikaj kolonioj okupas la kvaroble pli grandan vastaĵon ol Anglujo, kaj havas super 5 milionoj de loĝantaro; el kio estas 1.100.000 de blanka loĝantaro kaj 4.200.000 negroj.

La politikaj rajtoj valoras nur por la blanka loĝantaro ĉe kiu ĉiu nacieco havas ĉian liberecon uzi sian lingvon en la publikaj rilatoj, en la oficejoj kaj en la lernejoj. En la sudafrika Union ekzistas en tiu rilato, la plej plena egalrajto, same kiel en Svisujo.

La ĉefo de la nova ŝtato estas la angla reĝo, anstataŭata de sia rajtigito sub la nomo de generala guberniestro, kun la rajtoj aprobi la decidojn de la registaraj korpoj aŭtonomiaj. Fronte la aŭtonomia registaro staras la ministraro aŭ « Plenuma registaro ». La nacia reprezentantaro konsistas el senato kaj deputataro. La senato havas 40 membrojn; el tiu nombro 8 nomataj de la ĝenerala guberniestro, dume ĉiu el la kvar provincoj elektas po ok membroj. En la deputataro, konsistanta el 120 deputatoj, Kaplando havas 50, Transvalo 36, Natalo 17 kaj Oranio 17 reprezentantojn.

J. Makara (Rzeszow - Galicio)

### AERVETURADO

#### La aviada semajno de Champagne

Plena triumfo : jen estas la ĉefa karaktero de la aviada konkurso kiu okazis en Reims-Betheny de la 3a ĝis la 10a de julio.

La lastan jaron, la unua Semajno de Reims, montris la unuan fojon ke la aeroplano ne estas nur akrobata ilo aŭ mekanika kuriozaĵo sed ankaŭ ja serioza sporto.

Nu, tiun ĉi jaron, la aeroplano aperis kiel vera transveturilo. Pro la granda nombro de la aparatoj konkursantaj, pro la lerteco de la aviadistoj kiuj estis ĉiuj plej eminentaj el la nunaj, pro la grandiozaj kaj luksaj aranĝoj de la flugokampo, la 2a semajno de Reims 1910 aperis kiel la plej grava kunveno pri la aviado jam okazinta.

La ĝenerala impreso ricevita de la ĉeestantoj estas, ke la aeroplano estas ilo, kiu de nun povas esti utile uzita ; kiu estas konstruita per industriaj rimedoj ; per kiu bona aviadisto scias kian certan rezultaton li povas atingi sen la uzo de ruzaĵoj ; kaj tamen kiu estos ankoraŭ pli bonigita, tial ke iam ĝi estos aparato preskaŭ perfekta.

Pripensu nur ke kvindek ses aparatoj flugis dum tiuj tagoj : kaj, kelkafoje ili estis dudek samtempe, en la aero, flugantaj je plej diversaj altecoj, ĉirkaŭ la flugvojo kiu estis longa nur kvin kilometrojn. Dum tiaj momentoj, la aero ŝajnis vere posedata kaj mastrumita de la homo.

Laŭ la sporta vidpunkto, oni flugis en Reims pli rapide, pli longatempe, pli malproksimem kaj pli alten, ol oni iam faris. Ĉiuj rekordoj estis superitaj. Sed mi povas ĉefe citi la jenajn : Olieslaegers flugis dum 5 h. 3 m. 5 s. 1/5 kaj li traflugis 392 kilom. 750 t. e. proksimume la distanco de Paris ĝis la orienta limo de Francujo. Latham supreniris ĝis 1.384 metroj, tra urboj, kie lia eleganta « Antoinette » aperis kiel muŝo. Tiam la rigardantoj travidis tiun faman kaj mirindan ĉapitron de Gabrielle d'Annunzio en lia nova romano « Forse che si, forse che no ». Sed la plej nova, plej miregiganta spektaklo estis la rapida flugo de Morane, per la nova « Bleriot » aparato, kies surfaco estas nur 12 kvadrataj metroj kun motoro da 100 HP. Por ĉirkaŭ flugi la kvin kilometrojn de la flugvojo li uzis nur 2 m. 48 s. 2/5 t. e. 106 kil. por unu horo. Sed pro la malrapidiĝo ĉirkaŭ la anguloj oni povas opinii ke, en la

rektaj linioj li atingis 120 kilom. Tiam, la unuan fojon, la rapideco de aeroplano superis 100 kilom. La aspekto de tiu ĉi aviadilo estis preskaŭ timiganta : ĝi ŝajnis kvazaŭ sago kaj, la aliaj aparatoj kiuj en la sama momento flugis en la aero aperis kiel ne movantaj, dum la rapida Bleriot flugsaltis, preterpasanta unu post la alia.

Alia interesa konkurso estis la flugado tra la kamparo. La aviadiloj forflugis precize je la pafsignalo, triope, kaj ili disponis nur unu minuton por sia foriro.

La ĉefa instruo de tiu semajno de Reims estas la supereco de la monoplanoj. Ili gajnis ĉiujn rekordojn kaj ili foriris ĉiutage malgraŭ la malbona vetero, dum la biplanoj sin kaŝis prudente en siaj ŝirmhaloj. La « Bleriot » kaj « Antoinette » aparatoj precipe montris siajn bonajn kvalitojn.

Oni ankaŭ povas profetadi, malgraŭ la plena sukceso de la Semajno de Reims ke la tempo de tiaj konkursoj sur speciala flugo kampo, nun estas pasinta. En la estonto, devos esti aranĝitaj veraj vojaĝ konkursoj, tra la landoj. La birdhomoj povas nun forlasi la ĉirkaŭaĵojn de siaj nestoj : ili scias kiel flugi. Tion oni sentis kiam oni vidis dekon da aeroplanoj veni de Mourmelon ĝis Betheny, traflugante super la urbo Reims per vojaĝo de ĉirkaŭe 35 kilometroj, kaj reveni per la sama aera vojo, post la Semajno. Eĉ, unu vesperon, Latham fiere flugis ĉirkaŭ la maljunaj turoj de la belega katedralo de Reims.

Fine, mi devas komplimenti la organizanton de tiuj famaj kunvenoj, Markizon de Polignac, kaj siajn kunlaborantojn. Certe, ili multe helpis por la progreso de de la aviado.

Marcel Laignier, (Del. en Reims).

## IDEOJ & FAKTOJ

### Kiel kaj kial mi enloĝiĝis eksterlanden de H. Mečnikov

La rakonto de mondfama *H. Mečnikov*, kies tradukon en Esperanto mi proponas al legantoj, estis presita en Moskva ĉiutaga gazeto « Russkija Vjedomosti » (Rusaj Sciigaĵoj), en la N-ro de la 18-a de oktobro 1909 (de malnova stilo). Esperantiginte ĉi tiun rakonton, mi samtempe min turnas al alilandaj samideanoj kun peto *fari nacilingvajn tradukojn de ĝi kaj presigi ilin en nacilingvaj jurnaloj*. La faktoj el la vivo de la aŭtoro, rakontitaj de li sendube iam estos enmetitaj en lian biografion, formonte en ĝi unu el interesaj ĉe nur por rusoj ĉapitroj. Tamen mi opinias, ke ĉiuj faktoj, kiuj havas rilaton al la vivo de *H. Mečnikov*, estas jam nuntempe altgrade interesplenaj. Krom tio verkoj, nacilingve tradukataj el Esperanto, ĉiam faras plej bonan propagandon al nia lingvo, des pli dezirindan por ĉi tiu fojo, ke la rakonto de *H. Mečnikov* antaŭ ĉio estos tralegita de scienculoj.

*La Tradukinto.*

Post terura ventego, travivita dum lastaj jaroj, nun venis en Rusujo la periodo de alcentriĝado. Ĉie oni povas rimarki deziron de homoj pliklarigi al si mem staton de aferoj kaj difini programon de agado por laŭeble akceli la progresadon en la lando. Por plej konscie decidi la taskon, estas tre grave prikonatiĝi kun kiom eble pli granda kvanto da faktoj, kiuj povus lumigi ĝin. Sekve de ĉi tio mi kuraĝis forjeti kompreneblan por leganto ĝenantan senton paroli pri mi mem kaj rakonti al li historion de tio, kiamaniere mi forveturis el Rusujo kaj eknestis ekster la limoj de l'patrolando.

Antaŭ kelke da tagoj komenciĝis jam dudek dua jaro de l'tempo, kiam mi enloĝiĝis en Parizo. Ne estas mirinde, ke post tiom longedaŭra tempo mi decidis resti tie ĝis fino de mia vivo. Ĉi tiu cirkonstanco donas garantion, ke mia rakonto estos libera de iu ajn persona motivo, kiu povus sensincerigi ĝin.

Ĉe mi ankoraŭ infano ekaperis plifortigita deziro fordoni min al scienco, kaj tiu deziro ne malaperis malgraŭ lerneja disciplinaĉado. Cetere oni devas diri, ke en la tempo, kiam mi lernis en gimnazio, t. e,, en la komenco de reĝado de Aleksandro II, libera disvolvado de animaj kapabloj ne ankoraŭ estis subpremata. Supera estraro rilatis humane, malsupera estraro ne subpremadis fanatike volesprimojn de junularo. Iam tiam « politiko » estis iom post iom ŝtelrampanta en gimnaziajn murojn. Tie oni disvastigis eksterlandajn eldonaĵojn de Percen, ĉefe « Sonorilo ». Iafoje studentoj delogis gimnazianojn partopreni en sekretaj kunsidoj, dum kiuj oni parolis pri politikaj aferoj kaj agitado kontraŭ la registaro. Tamen ĉi ĉio ne malhelpis kontentigi sciencsoifon. Forestis prediko pri tio, ke okupado je sciencoj kaj artoj estas « malnoblaĵo » en la tempo kiam la popolo suferas mizeron. Male estis tute akceptata ideo, ke sciencprogreso povas plej bone helpi al komuna progreso.

En tiuj kondiĉoj ĉe la skribanta ĉi tiujn liniojn senbare disvolviĝis la soifo al sciencelaboro kiel al nura vojo por havigi al si prudentan mondkomprenon. En universitato, kies studento mi fariĝis en la komenco de 60 aj jaroj, ankoraŭ regis rutino, sed meze de profesoroj ekzistis junaj scienculoj, varmege sindonaj al scienco kaj ĉiel pretaj helpi al sciencaj penadoj de junularo. Meze de studentaro jam estis naskiĝanta politika netoleremeco. Mia kulto de scienco kaj mia sistema forestado en kunvenoj, kie ĉefe juristoj vetbatalis per elokventeco, kreis al mi malbonan reputacion inter kolegoj.

Mia deturniĝo de « politiko » ankoraŭ plifortiĝis post kiam eksterlande mi kunpuŝiĝis kun rusoj, elmigrintaj Svisujon. Mia pliaĝa frato Leo estis unu el agemaj anoj de rusa kolonio en Ĝenevo, kie tiam enloĝiĝis Percen. Vizitante Percen'n mi estis ravita de lia neordinara inteligenteco kaj spriteco. Aŭskultante legadon de liaj « Rememoraĵoj », mi estis forlogita de li kiel de literaturisto, sed ĉio, kio rilatis ĉe li al politiko, ne impresis min.

La proksimeco al la rondeto de Percen en Ĝenevo kaj al la rondeto de Bakunin en Napolo pliakriĝis nur mian sciencsoifon kaj plifortigis la konvinkon, ke serioza sciencostudado povas nemezureble pli utili al homoj ol « politiko ».

II

Kun tiaj sentoj mi, ankoraŭ tute juna, suriris katedron en Odessa.

Ankoraŭ gimnaziaj kolegoj moknomis min « pastro », rimarkinte, ke mia parolado ĉiam estis simila al predikado. La saman karakteron havis ankaŭ miaj lecionoj, dum kiuj mi senlace predikis kredon al scienco, komprenante la veran sciencon, tion, kion ne malofte oni mokis kiel « sciencon por scienco ». Mi argumentadis, ke la studado de tiu scienco estas necesa, por ke homo povu konscie rilati al la reala mondo kio estas fonto de plej granda bono.

Ĉirkaŭprenita de tiaj sentoj, mi penadis enigi ilin ankaŭ al junularo, kiu ĉiam pli forlogiĝis al politiko. Por influi ĝin, mi laŭeble min proksimigis al studentoj kaj neniam min ŝajnigis antaŭ ili « scienca profesoro », sed ĉiam tenis min tute simple. Tamen kompreneble en mia programo tute forestis la deziro alhavigi popularecon inter la studentaro kaj mi neniam cedis al iliaj flugdeziroj al politiko. Foje aŭtune de la jaro 1879, kiam mi jus decidis fari vojaĝon al Mediteraneo por esplorado de demando pri genealogio de simplaj organismoj, alvenis studenta deputataro, petante min resti hejme, ĉar en Rusujo oni atendas plej gravajn politikajn okazontaĵojn, kiuj postulas ĉeestadon de ĉiuj progresemaj elementoj de l'lando. Respondante, mi diris ke mian pure sciencan laboron mi opinias tro alta por ke ĝi povu esti oferita pro kio ajn, kaj mi forveturis Napolo'n.

Sed de tago al tago la stato de aferoj en Rusujo kaj precipe en universitato fariĝis ĉiam pli peza. La politiko plenforte enpenetris lernejon, kaj sciencokupado tie fariĝis ĉiam pli malfacila.

Odessa universitato de l'tempo de sia fondiĝo distingiĝis je neordinare granda kvanto de malagrablaj malpacaĵoj. La institucio nova, tiam ne ankoraŭ kuniĝis kun urbaj aferoj. La profesoroj plejparte alvenintaj el aliaj universitatoj, estis en Odessa novuloj kaj, krom kelkaj, ili partoprenis nek en urba administrado, nek en bankaj aŭ similaj entreprenoj. Ankaŭ en Odessa forestis aliaj superaj lernejoj, en kiuj la universitataj profesoroj povus havi oficon. Tial ilia agado ekskluzive koncentriĝis en universitato. La tutan liberan de legado de lecionoj tempon la profesoroj pasigis en legejo, kie ĉefe oni kritikadis kolegojn kaj kie ankaŭ estis rekreataj, fortikigataj kaj detruataj la « partioj ». Plej ofta temo de interparoladoj estis elektotaj novaj profesoroj kaj oficaj personoj (dekanoj, sekretarioj k. t. p.). Ĉe tio personaj simpatioj kaj antipatioj ludis tre gravan rolon. Precipe estis rimarkebla antagonismo inter profesoroj de loka elveno, t. e. malgrandrusoj, kaj la moskvanoj. Scienca taksado de kandidatoj plej parte estis submetata al individuaj sentoj. Politiko en la propra senco longtempe restis flanke. Tre ne multaj profesoroj estis ravitaj de Katkov kaj propagandis malamon al « pola partio », t. e., al tre malgranda nombro de profesoroj polaj aŭ de pola elveno. La plimulto da profesoroj distingiĝis je politika indiferenteco. Nur en la fino de la 70 aj jaroj meze de junaj profesoroj ekaperis apartaj tre ne multaj anoj de pli ekstremaj opinioj t. e. veraj socialistoj aŭ socialistoj de katedro.

Rilate al mi, mi restadis la tutan tempon de mia estado en Odessa universitato senpartia kaj dum elektado mi voĉdonis ĉiam por kandidatoj plej indaj science. Tiamaniere mi donis mian balotilon por profesoro de eklezia leĝkodekso, ano de ekstremaj « dekstraj » opinioj, kiujn mi ne aprobis, kaj ankaŭ — por profesoro de politika ekonomio, ekstreme « maldekstra », kies opiniojn mi same ne aprobis. Mi agis tiel ĉar la unua estis homo fame konata per siaj sciencaj verkoj, do la dua, rekomendita de plej bonaj rusaj politikaj ekonomi'stoj, estis prudenta, talenta kaj sciencelerta profesoro.

Mian senpartiecon malaprobis miaj kolegoj, certigante, ke socia laboro tute estas neebla en tiuj kondiĉoj ; sed mi ne senigis min de mia kutimo ŝati la sciencon tre alte kaj la politikon male tre malalte. Rimarkante tamen, ke ĉi tiun opinion preskaŭ neniu aprobas krom mi mem kaj ke la politiko plenigis la universitaton tiel de supre kiel de malsupre, mi ĉiam pli kaj pli komencis izoliĝi, pasigante tempon en mia laborejo.

(daŭrigota) H. Mečnikov

### Pri kalendara reformo. Komparo de proponoj

Ni devas proponi nur ŝanĝojn, kiuj estas realaj kaj klaraj plibonigoj ; neniam sennecesajn modifojn.

La Gregoria kalendaro, kiu sendube devas esti la bazo, sufiĉe precize kaj per bonaj rimedoj starigas la daŭron de l'jaro. Ĝia epoko de novjaro ne estas tre bona (1), sed tiuj malbonaĵetoj estas pli sciencaj, ol praktikaj, kaj ni ne povas esperi pro ili tiel gravan ŝanĝon, kiel ŝanĝon de l'jarkomenco.

La tasko estas : dividi la tiel fiksitan jardaŭron en partoj, malpli grandaj ol la jaro, kaj pli grandaj ol la natura elemento la tago.

Ĉiam, dividante kiun ajn mezurunuon, ni igas la partojn kiel eble plej egalaj kaj komencas la dividón en la komenco de la mezurilo kaj ne lasas peceton krome. Ni devas fari tiel ankaŭ tie ĉi, kiom permesas la ekzistanta natura unuo, la tago.

(1) Ĉar por la plimulto de landoj ĝiaj jarkvaronoj ne sufiĉe reprezentas naturajn sezonojn, tiamaniere, ke la meteologio estis devigata starigi aliajn trimestrojn, komencantajn per decembro, marto, junio kaj septembro.

Antaŭ ĉio ni konsentu, ke la forlaso de la kutima divido de l'jaro en 12 monatoj kaj 52 septagaj semajnoj estas ne nur praktike neebla sed eĉ science ne dezirinda ; vere, ili ja ne konsentas inter si sed ili ambaŭ ebligas la dividon de l'jaro en preskaŭ egalaj duonoj kaj kvaronoj, kiu por la scienco estas tiel necesa, kiel por praktika vivo. Praktike, la divido en 12 monatoj kaj la septaga semajno estas tiel profunde enradikitaj en la tuta vivo de l'civiliza mondo, ke estus tute vana penado ŝanĝi tion, eĉ se ni povus anstataŭi ĝin per io decide pli bona.

La efektivaj malbonaĵoj de la Gregoria kalendaro estas. 1. La granda malegaleco en la daŭro de l'monatoj (ĝis 10 o/o) kaj de la jarduonoj (2 o/o) ; 2. la movebleco de la semajno en la jaro, t. e. la malegaleco de la jaroj kaj de la partoj de l'jaro, rilate al la pozicio de la semajnoj en ili ; 3. la ankoraŭ pli granda movebleco de kelkaj grandaj festoj en la jaro.

Por forigi tiujn malagrablajn makulojn, sen rompo de la bona tuto ni devas.

1. Pliegaligi kaj pli egale distribui la longecojn de l'monatoj ; 2. fiksi la semajnojn ; 3. fiksi la paskon.

Ni serĉu atingi tion kun kiel eble plej malgrandaj ŝangoj en la nuna dato kaj en la nunaj kutimoj.

La solvo, kiun donas al la demando S-ro Grosclaude, estas jam konata. Li starigas du tagojn ekstersemajnajn kaj ekstermonatajn aŭ kun la dato O, kiujn li nomas. Novjaro kaj Supertago ; krome li donas al la du unuaj monatoj de ĉiu jarkvarono 30, kaj al la lasta 31 tagoj. La 1-a januaro estas lundo, la dimanĉo de Pasko estas la 7 aprilo.

Post la apero de tiu projekto en aprila kajero de l'Germana Esperantisto, mi publikigis en Majo en Hamburga gazeto, kaj en junio en la Germanujo, similan, sed iom pli simplan projekton, kiun oni povas elĉerpi, en la kvar frazoj ; « Ĉiu jaro, kaj en superjaroj ĉiu jarduono, komencas kaj finas per dimanĉo. — La unua monato de ĉiu jarkvarono entenas 31, kaj neniu monato malpli ol 30 tagoj. — Pasko estas la 8-a de Aprilo. — Ĉiu alia restas kiel nun. »

Tiu donas la jenan fiksan eternan dattabelon :

| | Dim. | Lun. | Mar. | Mer. | Jaŭ. | Ven. | Sab. | Dim. |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Januaro, Aprilo, | 1 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 | 7 | — |
| | 8 | 9 | 10 | 11 | 12 | 13 | 14 | — |
| Julio, Oktobro. | 15 | 16 | 17 | 18 | 19 | 20 | 21 | — |
| | 22 | 23 | 24 | 25 | 26 | 27 | 28 | — |
| | 29 | 30 | 31 | — | — | — | — | — |
| Februaro, Mojo, | — | — | — | 1 | 2 | 3 | 4 | — |
| | 5 | 6 | 7 | 8 | 9 | 10 | 11 | — |
| | 12 | 13 | 14 | 15 | 16 | 17 | 18 | — |
| Augusto, Nov. | 19 | 20 | 21 | 22 | 23 | 25 | 25 | — |
| | 26 | 27 | 28 | 29 | 30 | — | — | — |
| Marto, junio, | — | — | — | — | — | 1 | 2 | — |
| | 3 | 4 | 5 | 6 | 7 | 8 | 9 | — |
| | 10 | 11 | 12 | 13 | 14 | 15 | 16 | — |
| Septbro., Decbro. | 17 | 18 | 19 | 20 | 21 | 22 | 23 | — |
| | 24 | 25 | 26 | 27 | 28 | 29 | 30 | 31' |

S-ro R. de Saussure tuj post la apero de mia artikolo en G, L. aliĝis al tiu malgranda ŝanĝo de la dattabelo de S-ro Grosclaude ; li nur preferas nomi la du ekstrajn tagojn ne dimanĉoj, sed per propraj nomoj : Silvestro kaj Supertago. Tio estas malgrava demando de gusto.

Por kompari la du proponojn, ni rigardos la nulajn datojn kiel apartenantajn al la komencantaj monatoj. Samtempe ni volas esplori, ĉu ne ekzistas ankoraŭ aliaj solvoj de la supredirita problemo eble pli bonaj. Ilia nombro estas tre malgranda, ĉar por ebligi ununuran dattabelon por la kvar kvaronoj, la ekstraj tagoj povas esti aldonitaj nur kiel O-a aŭ kiel lasta tago de jarkvarono ; kaj por eviti monatojn kun 32 tagoj, la unuaj monatoj de la jarkvaronoj sen nula tago ne povas enteni pli ol 30 tagoj, kaj simile la lastaj monatoj, se la du ekstraj tagoj estas aldonotaj al la fino de l'kvarono. Do restas nur kvar eblaj solvoj ; sufiĉas, se ni esploros tri. Ni nomos tiun de Grosclaude G., la mian K., kaj tiu, kiu rezultas se ni en la sama solvo donos la 31 tagojn ne al la unua sed al la dua monato de ĉiu jarkvarono, ni nomos K'. Jen la karakteraj nombroj por ordinara jaro :

| | Ja | Fe | Mr | Ap | Ma | Jn | Jl | Aŭ | S | O | N | D | Sumo | ŜM |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1. Nombro de tagoj. | | | | | | | | | | | | | | |
| nun | 31 | 28 | 31 | 30 | 31 | 30 | 31 | 31 | 30 | 31 | 30 | 31 | 365 | |
| G | 31 | 30 | 31 | 30 | 30 | 31 | 30 | 30 | 31 | 30 | 30 | 31 | 365 | |
| K | 31 | 20 | 30 | 31 | 30 | 30 | 31 | 30 | 30 | 31 | 30 | 31 | 365 | |
| K' | 30 | 31 | 30 | 30 | 31 | 30 | 30 | 31 | 30 | 30 | 31 | 31 | 365 | |
| 2. Ŝanĝo de longeco. | | | | | | | | | | | | | | |
| G | 0 | 2 | 0 | 0 | —1 | 1 | —1 | —1 | 1 | —1 | 0 | 0 | 8 | 7 |
| K | 0 | 2 | —1 | 1 | —1 | 0 | 0 | —1 | 0 | 0 | 0 | 0 | 6 | 5 |
| K' | —1 | 3 | —1 | 0 | 0 | 0 | —1 | 0 | 0 | —1 | 1 | 0 | 8 | 6 |
| 3. Ŝanĝo de longeco. | | | | | | | | | | | | | | |
| G | —1 | 0 | —2 | —2 | —2 | —1 | —2 | —1 | 0 | —1 | 0 | 0 | 12 | 8 |
| K | 0 | 0 | —2 | —1 | —2 | —1 | —1 | —1 | 0 | 0 | 0 | 0 | 8 | 6 |
| K' | 0 | +1 | —2 | —1 | —1 | —1 | —1 | 0 | 0 | +1 | +1 | 0 | 9 | 8 |
| 4. Ŝanĝoj intermonataj en la ŝanĝo de l'dato. | | | | | | | | | | | | | | |
| G | 1 | 2 | 0 | 0 | 1 | 1 | 1 | 1 | 1 | 1 | 0 | 1 | 10 | 9 |
| K | 0 | 2 | 1 | 1 | 1 | 0 | 0 | 1 | 9 | 0 | 0 | 0 | 6 | 5 |
| K' | 1 | 3 | 1 | 0 | 0 | 0 | 1 | 0 | 1 | 0 | 1 | 0 | 8 | 6 |

La lasta kolóno, supre skribita Ŝ. M., montras la nombron de monatoj kun ŝanĝoj. Oni tuj rimarkos, ke ĉie en la du lastaj kolonoj la propono K donas la plej malgrandajn sumojn. Do mia supre publikigita dattabelo donas la plej simplajn rezultatojn, kaj laŭ la supredirito ne ekzistas alia tiel simpla kaj tiel facile enkondukebla, kiu plenumus la samajn postulojn,

Tio koncernas la ŝanĝojn, kiuj povas esti esprimataj en nombroj. Se ni demandas, kie estas postulota pli granda ŝanĝo de kutimoj, ni ne povas plu fari tiel precizan pruvon. Tamen verŝajne ankaŭ tie oni konsentos, ke la propono G trudas pli grandajn ŝanĝojn, ol la propono K.

Eble se, laŭ mia propono, ni nomos la du ekstertagojn Dimanĉojn, la strangeco havi du sinsekvantajn dimanĉojn estos ne malpli granda, ol havi du ekstersemajnajn tagojn, kvankam la difino de la tuta sistemo estos pli simpla en la unua kazo. Sed ĉiuokaze la nova ideo de nula dato aŭ eĉ de ekstermonata tago, kaj de 1-a januaro, kiu estas la dua tago de l'jaro kaj ne estas novjar-tago, estos sennecesaj malfacilaĵoj por la publiko. Certe, se ni povos atingi la samajn profitojn sen enkonduko de tiaj strangaĵoj la malhelpoj kontraŭ la dezirinda reformo estos malpli grandaj.

La ideo fiksi la semajnojn en la jaro estis certe genia. La fakto mem, ke tiel multaj jarcentoj forfluis sen la apero de tiel simpla kaj praktika ideo, pruvas tion. Sed ĝia efektivigo estos decide faciligata per la supredirita ŝanĝeto, kaj pro tio mi faras la proponon.

Prof. D-ro W. Koeppen (Hamburg).

') Nur en la decembro de ĉiu jaro kaj en la junio de ĉiu superjaro.

### Kontraŭalkohola plebiscito en Svedujo

La federacio de la abstinentaj svedaj societoj organizis vastan plebisciton pri la malpermeso de alkoholo. La ciferoj jus estas publikigitaj. De ĉiu svedo, ĉu viro, ĉu virino, pli ol 18-jara, oni petis subskribi la jenan deklaron : « La subskribintoj, viroj kaj virinoj de Svedujo, konsiderante la danĝeron de la alkoholaj trinkaĵoj por la publika sano kaj la disvolvo de la socio, deklaras, ke la momento venis por enkonduki la kompletan kaj konstantan malpermeson de l'alkoholo en nia lando »

La personoj kontraŭaj al tiu deklaro devis tion konfirmi per sia subskribo.

La partoprenado je la plebiscito estis tre alta, precipe se oni konsideras, ke en kelkaj landpartoj la organizo de ĝi estis malfacila.

La sveda loĝantaro atingas 5.430.000 anojn, el kiuj, laŭ la statistika oficejo, estas 3.387.964 maturaĝaj. El tiuj ĉi voĉdonis por la malpermeso 1.845.249 personoj, t. e. 54 o/o. Kelkaj dekoj da miloj rifuzis subskribi, sed pli ol miliono da homoj ne estis atingitaj de la kolektistoj de subskriboj aŭ loĝis en lokoj, kie la plebiscito ne povis estis organizata.

Tiu plebiscito estas kompreneble privata, sed ĝi tamen liveras gravan montron pri la sveda opinio rilate al alkoholismo.

R. H.

### Tolstoj kaj la Slava Kongreso.

Ni ĉi-sube publikigas, kiel interesan dokumenton, la leteron, kiun adresis la eminenta rusa pensulo L. Tolstoj al la slava kongreso, antaŭ nelonge okazinta en Sofia.

Mi ricevis vian inviton kaj mi plezure alveturus, se al mi ne malhelpus mia aĝo kaj malsano. Mi alveturus por persone interparoli kun vi la aferon, kiu kunvenigis vin. Mi provu nun fari ĉi tion per letero.

La unuiĝo de homoj, la sama, en kies nomo vi kolektiĝis, estas ne nur plej grava homa faro, sed en ĝi mi vidas la sencon, celon kaj bonon de l'homara vivo. Sed por ke ĉi tiu agado estu bonefika, necesas ĝin konsideri en la tutplena ĝia signifo sen plimalgrandigo, plilimigo, alikomprenigo. Tiel ĝi estas rilate al ĉiuj plej gravaj aferoj ; tiel ĝi estas rilate al religio, amo, sindonado al la homaro, scienco, arto. Ĉio ĝis la fino, ĝis la lastaj konkludoj, se eĉ ili estus fremdaj al ni kaj malagrablaj. Ĉio tutplene aŭ nenio, kaj nome *nenio*, sed ne io ajn, ĉar ĉi ĉiuj plej grandaj funkciadoj de l'homa animo, se ili ne estas alkondukitaj ĝis la fino, ne nur ne utilas, ne nur ne alportas sian eĉ malgrandan, tiel pensas kaj parolas multaj, utilon, sed estas pereigaj kaj pli ol io ajn malsukcesigas la atingon de bono, kiun ili kvazaŭ celas. Tiel, ĝi estas en religio, kiu allasas blindan kredon, tiel ĝi estas en amo, kiu allasas batalon-kontraŭbatalon, tiel ĝi estas en servado al homoj, kiu allasas perforton kontraŭ homoj. Tiel ĝi estas ĉie kaj precipe en la agado, kiu havas celon unuigi homojn.

Sendube la unuiĝintaj homoj estas pli fortaj ol disiĝintaj. Familio estas pli forta ol unu homo. Bando de rabistoj estas pli forta ol ĉiu aparta rabisto ; komununo estas pli forta ol apartigitaj individuoj. Kunligita per patriotismo regno estas pli forta ol malligitaj nacioj. Sed la afero konsistas en tio ke la prefereco de unuiĝintaj homoj kontraŭ la disiĝintaj kaj kiel neevitebla sekvo de tia prefereco — sklavigado aŭ almenaŭ ekspluatado de disigitaj — nature igas ĉe disigitaj la deziron unuiĝi por de komenco kontraŭstari al la perforto, kaj poste siavice fari ĝin. Al slavaj nacioj, spertantaj sur si mem la malbonon de regnaj unuiĝoj aŭstria, rusa, germana, turka, por kontraŭstari al ĉi tiu malbono, estas nature deziri kunmeti sin en propran unuiĝon ; tamen ĉi tiu nova unuiĝo, se nur ĝi efektiviĝos, neevitebla estos altirita al la ĝuste simila agado de ne nur batalo kontraŭ aliaj unuiĝoj, sed ankaŭ de subpremado kaj ekspluatado de pli malfortaj unuiĝoj kaj apartaj individuoj.

Jes, en unuiĝoj troviĝas la senco, la celo kaj la bono de homa vivo, sed ĉi tiuj celo kaj bono estas atingeblaj nur tiam, kiam ĝi estas unuiĝo de l'tuta homaro en la nomo de principo komuna por la tuta homaro, sed ne unuiĝo de malgrandaj aŭ grandaj partoj de l'homaro en la nomo de limigitaj, privataj celoj. Estu ĝi la unuiĝo de familio, de rabista bando, de komunumo aŭ regno, de nacio aŭ « sankta unuiĝo » de regnoj, — la similaj unuiĝoj ne nur ne helpas, sed pli ol io ajn malhelpas la veran progreson de l'homaro ; tial por konscie servi al la vera progreso — almenaŭ mi opinias tiamaniere, — estas necese ne akceli al ĉi ĉiuj privataj unuiĝoj, sed ĉiam malakceli al ili. Unuiĝo estas ŝlosilo, kiu liberigas homojn de malbono. Sed por ke ĉi tiu ŝlosilo plenumu sian servon, necesas, ke ĝi estu enŝovita ĝis la fino, ĝis tiu loko, kie ĝi malfermas, sed ne rompiĝas mem kaj ne rompas la seruron. Same unuiĝo. Por ke ĝi povu aperigi proprajn al ĝi bonefikajn sekvojn, ĝi devas havi kiel celon unuiĝon de *ĉiuj* homoj, egale aprobata de ĉiuj principo. Do tia unuiĝo povas esti nur la unuiĝo, bazita sur tiu religia fundamento de vivo, kiu unu sola unuigas homojn kaj kiun malfeliĉe la plimulto da homoj, gvidantaj la popolojn, opinias nebezonata, malmoderna.

Al mi oni diros : ni konfesas ĉi tiun religian fundamenton, sed ni ankaŭ ne neas la principon de unuiĝo genta, nacia, regna. Sed la afero estas tia, ke unu forigas la alian. Se oni kredas, ke la celo de homa vivo estas unuiĝo tutmonda, religia, ĉi tiu kredo mem neas iujn ajn aliajn fundamentojn de unuiĝo kaj, kontraŭe, se oni kredas, ke la fundamento de unuiĝo estas principoj genta, nacia, patriota-regna, ĉi tio neevitebla forigas la religian principon kiel realan bazon de l'vivo.

Mi opinias kaj preskaŭ estas certa, ke ĉi tiuj de mi eldiritaj ideoj estos malaprobitaj kiel malaplikeblaj kaj malpravaj, sed mi opiniis mia devo tute malkaŝe eldiri ilin al homoj, kiuj, malgraŭ mia neo de genta kaj nacia patriotismo, estas tamen pli proksimaj al mi, ol homoj de aliaj nacioj. Mi diros eĉ pli, — forjetinte la konsideron pri tio, ke dank'al ĉi tiuj miaj vortoj oni povus elvidigi miajn nekonsekvencon kaj kontraŭdiron al mi mem, — mi diros, ke aparte min igi eldiri ĉi tion, kion mi eldiris, mia kredo, ke tiu fundamento de la tut-komuna religia unuiĝo, kiu unu sola povas, ĉiam pli unuigante homojn, konduki ilin al la propra al ili bono, ke ĉe tiu fundamento estos alprenita antaŭ ĉiuj aliaj popoloj de kristana mondo nome de la popoloj de slava gento.

L. Tolstoj,
Trad. D-ro K. Šidlovskij
(Moskvo).

### Mondliteraturo

Sub tiu ĉi titolo ni penos kritiki ĉiumonate por la legantoj la plej famajn jus aperintajn librojn aŭ teatrajn prezentojn en la tuta mondo. Por tio ni ĉiam kaj ĉie petas korespondantojn.

Hodiaŭ ni parolos pri la lasta romano de *Gabriele d'Annunzio : « Forse che si, forse che no »* (eble jes, eble ne).

Oni povas aserti, ke — prave aŭ malprave — Gabriele d'Annunzio sciis okupi gravegan lokon en la Itala beletristiko. Efektive tiu ĉi poeto kaj romanfaristo havas la kapablecon paroligi pri sia persono same kiel pri siaj verkoj. Oni devas tamen konfesi, ke kiaj ajn estas la rimedoj uzitaj de tiu ĉi poeto por ricevi fameeon en Italujo, tiu ĉi famo estas iom meritita pro vera grava talento.

Tamen lia nova romano « Forse che si, forse che no » ne ŝajnas tiel merita kiel kelkaj el liaj antaŭaj verkoj. S-ro Gabriele d'Annunzio estas entuzias memo romanfaristo, li uzas *somptuozan* literaturan skribarton, kaj tiel naskas ordinare intereson kaj magian impreson.

Estas neble skribi tie ĉi la tutan historion de Forse che si, forse che no.

La tuta romano estas delirema rakonto el pasio kaj volupto.

*Isabella* estas rava kaj ensorĉa persono. Uzante la amon, kiel *Circeo* uzis la magion, ŝi plene kaptis la tutan koron de *S-ro Pado Tersis*.

Tiu ĉi malfeliĉulo estas kvazaŭ ensorĉita aŭ pli ĝuste envultita.

Sed la geamantoj ne povas ĝui pace je sia amo. Isabella havas unu fraton Aldo, kaj du fratinojn Vana kaj Lunella. Ili tri ne nur malaprobas la amon de Isabella, sed tute kontraŭstaras al ŝi kaj tute malpermesas, ke ilia fratino havu amanton.

Oni povas rimarki tium ĉi kvazaŭan kontrolon de la anoj de la familio pri la ama sento, ĝi estas fakto vere propra al la Italaj moroj.

La tuta romano konsistas en la kontraŭbatalado de la tri gefratoj al la du geamantoj. La aŭtoro tre lerte uzas ĉiujn rimedojn por kapti la intereson de la legantoj, kaj precipe li enkondukas en la romanon novan fakton ĝis nun tute neuzitan kaj kapablan veki scivolemecon.

Efektive la verko estas kvazaŭ epopea pasia kaj poezia de la aviado. Li uzas la aeroplanojn, kiujn li nomas « velivole » kaj mirege priskribas la diversajn sensaciojn ricevitajn de la aviadistoj. Sume oni rimarkas ke la aŭtoro faris gravan ekpenon por trovi novajn literaturajn vojojn. Tiu kvalito estas tro malofta en la nuna tempo por ke ni ne donu al tiu klopodo nian tutan aprobon, kaj pro tio, tiu romano iom stranga meritas sincerajn laŭdojn.

A. Carles.

## Homara Dataro

1 *Aŭgusto* 1498. — Malkovro de insulo Trinidad en la tria vojaĝo de Kolombo. — 1822. Brazilujo deklaras sian sendependecon de Portugaluoj.

2. 216 ant Kristo Venko de Anibalo ĉe Kanne.

3. 1492. Kristoforo Kolombo forveturas el la Barra de Saltes, kontraŭ Huelva (Andaluzio).

4. 1789. — Kunsido de la konstitucia deputataro kiu abolicias la feŭdalajn privilegiojn.

5. 1886. Konstitucio de Kolombio kiel ŝtato centraligita kaj unueca.

6. 1849. Mortas Anita Garibaldi, edzino de la generalo, en la Ravena pinejo.

8. 1849. Estas pafmortigata patrioto Hugo Bassi en Bologna.

9. 1848. (Antaŭ Kristo). Cezaro venkas Pompeon ĉe Farsalo, en Grakujo. — 1511. Mortas pentristo Ĉiorĝione Barbarella. — 1808. Fulton eksperimentas en la rivero Seine la vaporan navigacion 1897. Mortas hispana ŝtatisto Canovas del Castillo.

10. 1792. Ekokupo de la Tuileries. — 1866. Inaŭguro de la unua transatlantika kablo inter Feranovo kaj Irlandujo.

11. 1447. Komenciĝas la aŭrea ambrojana (Milana) respubliko de post la morto de Filipo Marja Viskonti. — 1492. Aleksandro VI, Borĝia estas elektita papo.

12. 1804. Naskiĝis en Livorno Dominiko Guerrazzi. — 1864. Mortas Georgo Stephenson elpensinto de la lokomotivo.

14. 1856. Mortas geologiisto William Buckland naskiĝinta en Axminster en 1784.

15. 1769. Naskiĝas en Aiaccio (korsa insulo), Napoleono I[a]. — 1827. Mortas Aleksandro Volta. — 1891. Mortas Ferdinando Gregorovius historiisto kaj poeto.

. ˙ .

Mi dankas la personojn kiuj sendas sciigojn por ĉi tiu rubriko. Ili estas petataj sendi la notojn almenaŭ unu monaton antaŭ ol tiu en kiu iii devos aperi.

A. Tellini.

## La Faktoj

27 junio. — Napolo. — Elŝipiĝas princo de Torino revenanta el ĉasado en Afriko.

Buenos-Ayres. — Anarĥiisto ĵetas bombon en teatro *Colon*. Pluraj mortintoj.

29. Wimbleden. — Mortas duko de Alencon.

1 julio. — Parizo. — Ekzekuto de Jakobo Liabeuf kiu mortigis policanon kaj vundigis aliajn policagentojn.

Leopolo. — Sanga konflikto inter rutenaj kaj polaj studentoj.

2. Romo. — Kun granda plimulto, la deputataro aprobas leĝon pri la unagradaj lernejoj.

3. Reims. — Inaŭguro de granda aviada semajno.

4. Milano. — Mortas glora astronomiisto Yohano Schiaparelli.

Reno en Usono. — Negro Johson venkas Jeffries en la bokskonkurso.

5. Romo. — Alveturo de la ĥina misio kun princo Tsai-Tao.

7. Romo. — Inaŭguro de rememoriga ŝtono al Ibsen sur la fasado de la domo en kiu li skribis la drampoemon « Brand ».

8. Milano. — Mortas la komponisto Emilio Usiglio.

Reims. — Baronino Laroche defalas kun sia aeroplano kaj restas grave vaudita.

Kreta insulo. — La protektantaj ŝtatoj sendas ultimatumon al la Kreta registaro.

9. Kreta. — La nacia kunsido akceptas la ultimatumon kaj ricevas la mahometanajn deputitojn.

10. Gand. — Aviadisto Danielo Kinet defalas. Li mortas la tagon 15[an].

13. Bournemouth. — Defalo kaj morto de aviadisto Rolls.

Lisbono. — Malkonsento inter Vatikano kaj Portugalujo pro la publikigaĵoj de la episkopo de Braga'o.

Parizo. — Alveturo de la Belgaj geregoj.

14. Lille. — Falo de aviadisto Cattaneo kiu restas vundata. — La Markolo Sund estas trairita de aviadisto Svendsen.

21 *julio*. — Inaŭguro de nova fervojo de Venecio al Frento.

22. Barcelono. — Anarĥiisto alpafas per revolvero eksministron Maŭra, lin vundante negrave.

Kastelo de Chatigny. — Mortas franca akademiano Leopoldo Delisle.

23. Lombardio. — Terura ciklono pereigas 50 personojn en la regiono « Brianza » norde de Milano.

Madrido. — La kunsidoj de la deputataro estas interrompitaj per reĝa dekreto.

26. Hungarujo. — Pluvegoj kaŭzas gravajn malfeliĉojn.

28. Romo. — Cattaneo venkas la rekordon de la naĝado trairante 59 kilometrojn.

Marienbad. — Politika interparolado de germana ministro dè la eksterlandaj aferoj kun Aehrenthal.

30. Romo. — Sekve de malkonsento inter Hispanujo kaj Vatikano, la Hispana ambasadoro en Romo estas realvokita kaj la pritrakto de la ŝtataj aferoj estas interrompita.

A. Tellini.

## La Servoj de U. E. A. dum 1909

### STATISTIKAJ NOTOJ

Jen la unuaj rezultatoj de la statistikaj informoj senditaj de niaj Delegitoj, responde al Of. Bulteno (N-o 5-a).

Respondiloj ricevitaj (je 20-a Junio), 227.

*Servoj plenumitaj de la Delegitoj :*

Por fakoj Administrado, Financoj, Konsuloj :

| | | |
|---|---|---|
| Esp. Oficejoj | 1.411 | SERVOJ 5.337 |
| Por Komerca fako | 1.680 | |
| Por Turisma fako | 975 | |
| Por Junula fako | 328 | |
| Trapasintaj Esperantianoj | 943 | |
| Korespondaĵoj ricevitaj de la Delegitoj | 4.039 | SUMO 8.631 |
| Korespondaĵoj forsenditaj de la Delegitoj | 4.592 | |
| Gazetartikoloj pri U. E. A. (en lokaj gazetoj) | 488 | |
| Paroladoj pri U. E. A. | 328 | |
| Firmoj Esperante korespondantaj (1-a listo) | 227 | |

Tiuj ciferoj rilatas al jaro 1909 (ĝis 31 decembro) kaj enhavas la duonon de 1908. Ili estas ne plenaj, ĉar je la 20 junio estis alvenintaj 227 respondiloj. En ili estas tamen ĉiuj gravaj lokoj, tiel ke la definitivaj ciferoj (publikigotaj post du monatoj) ne tre multe superos la suprajn nombrojn.

La supraj informoj estas ĉiuokaze jam tre trafaj. Ili montras, ke la duan jaron de la ekzisto de U. E. A., niaj delegitoj faris 5.337 servojn kaj milo da vojaĝantoj uzis ĝiajn servojn. Al la personoj, kiuj obstinos dubi pri la utileco kaj uzateco de U. E. A., oni montru la jenajn ciferojn. Niaj Delegitoj konigu ilin, represigu ilin !

## Esperantianoj !

Ĉiam memoru ke, kiam vi petas servon de Delegito de U. E. A. vi devas skribi sur internacia respond-poŝtkarto aŭ sendi markon aŭ kuponon por la respondo.

# UNUA KONGRESO DE U. E. A.

Niaj legantoj trovos ĉi sube resumon raporton pri la Kongresoj festoj kaj Kongresaj laboroj okazintaj en Augsburgo. Ni komentarias sur la unua paĝo la rezultatojn de tiu unua Kongreso, kies sukceso multe superis niajn esperojn kaj ĉe kiu nia juna Asocio montriĝis vere vivplena kaj laborkapabla). Vere agrabla kaj ĉarma estis la Kongresa semajno. Oni dum ĉi tiuj tagoj retrovis la allogan spiriton de samideaneco kaj kunfratiĝo, kiuj estis senteblaj ĉe la unuaj Esperantistaj Kongresoj. Nenia ĝenanta oficialeco, nenia tiel nomata « grandioza » manifestacio, solenigata de multaj oficialuloj, sed ĉie koreco, demokrateco kaj laboragemeco). Ni esperu, ke tia sama simpleco longe daŭros kaj ĉarmigos niajn kunvenojn. Sed ni transiru al la raporto de la okazintajoj...

* *

### La Kunvenejoj.

Ĉiuj kunvenoj okazis en la granda palachotelo *Drei-Mohren*, kies belegaj ĉambroj estis afable metitaj al nia dispono de la posedanto S-ro Arras, fervora Esp-iano. Tie ankaŭ estis la akceptejo, la ekspozicio kaj festenejo. Oni malofte retrovos tian luksan kunvenejon, kiu ebligas koncentriĝon de ĉiuj kongresoj aferoj kaj sub kies granda vitra korto longe promenadas kaj interkonatiĝas la Kongresanoj post la laboraj kunvenoj.

### La partoprenantoj.

Ili estis tre diversnaciaj. Ni kalkulis reprezentantojn el la jenaj landoj : Germanujo, Francujo, Britujo, Italujo, Rusujo, Finlando, Siberio, Polujo, Bohemujo, Aŭstrio, Hungarujo, Svisujo, Belgujo, Holando.

La nombro de la Kongresanoj (ne enkalkulante Augsburganojn) estis ĉirkaŭ 150, sed kun Augsburgaj Esp-ianoj, Kongresanoj de G. E. A. restintaj dum parto de nia Kongreso, k. t. p., oni povas diri ke la movado de la personoj ĉeestintoj la Kongreson, ĉu parte, ĉu tute, atingis 300. Bela rezultato por la *unua* Kongreso de Asocio fondita antaŭ du jaroj.

Inter la ĉeestintoj ni rimarkis S-rojn H. Bolingbor ke Mudie, prez. U. E. A., H. Hodler, D-ro Kandt, F. Rockmann, J. Schmid, Th. Rousseau, Komitatanoj, Ed. Stettler, Ed. Privat, anstataŭantoj de Komitatanoj, S-roj S. Szabuniewicz, Del. Moskvo, Stromboli, Del. Genova, Prof. Lederer, el Praha. A. Ploussu, Del. Grenoble, Wichert, Hedweiller, S. Rudnicki, Del. Krakov, k. a., membroj de diversaj komisionoj, F-ino M. Hankel, S-roj Borel, Berlin, Mœbusz, Del. Lübeck kaj vicprez. de G. E. A., D-ro Dor, Prez. de TEKA kaj Vicprez. de S. F. P. E., S-roj Mare, Del. Portsmouth, Mathieu, Del. Bruselo, Kühnl. Del. Praha, Robin. Del. Varsovio, Glüch, sekr. de Aŭstria Esp. Ligo, k. a., k. a.

### La malferma kunveno.

La solena malfermo de la Kongreso okazis la 28-an de Julio en la granda salono de Drei-Mohren plenigita ĝis la lasta anguleto. Ĉeestis pli ol 300 personoj. Sur la gustsplene ornamita estrado aperas la ĉefurbestro de Augsburg, reĝa kortega konsilanto Wolfram, la Komitato de U. E. A. kaj S-roj Beideck, Del. en Augsburg kaj arĥitekto Krauss, prez. de la Organiza Komisiono.

S-ro *H. Bolingbroke Mudie*, prezidanto, malfermas la kunsidon per afablaj salutvortoj. Li rememorigas la kialon de tiu unua Kongreso kaj dankas la Augsburgajn samideanojn pro ilia fervora helpado. Li anoncas, ke pro sia vojaĝo Washington'on D-ro Zamenhof bedaŭrinde ne povis ĉeesti, sed skribis anstataŭe leteron al la Kongreso. Li esprimas la deziron, ke tiu unua Kongreso estu la komenco de vico de ĉiam pli grandaj kaj sukcesplenaj kunvenoj. (*Aplaŭd.*)

S-ro ĉefurbestro *Wolfram* poste bonvenas la Kongreson per jenaj vortoj :

« Tre estimata kongresanaro. Kiel ĉefurbestro de Augsburg kaj honora prezidanto de la Esperantistaj kongresoj en nia urbo, mi diras tutkoran bonvenon al la membroj de la Unua Kongreso de U. E. A. Kun granda ĝojo ni preparis en nia urbo gasteman akcepton al viaj kunvenoj kaj ni deziras, ke vi sentu vin hejme inter ni kaj ke vi forportu el tie bonan rememoron kaj poste plezure povu repensi pri viaj tagoj en Augsburg. Ni precipe deziras ke tiuj kunvenoj favoru kaj antaŭenhelpu la aferon en ĉi tiu urbo. Kiel centro industriplena, kies produktoj jam disvendiĝas tra la tuta mondo, ni havas tre grandan intereson por la ideo de Esperantismo, kaj mi mem persone tre bedaŭras ke mi ne ankoraŭ povas saluti vin en via komuna lingvo. Sed mi intencas *lerni* tiun lingvon kaj jam trovis la personon kiu instruos al mi almenaŭ la elementojn de Esperanto. Kio hodiaŭ jam ne ekzistas, tio povos efektiviĝi morgaŭ. Ĉeestinte la kunsidojn de G. E. A. mi nepre konvinkiĝis ke Esperanto estas vivanta, bonsona kaj spiritplena lingvo, kiu jam tre disvastiĝis kaj certe havos plenprosperan estonton.

« Ni ĉiuj estis plej agrable surprizitaj pri la belsoneco de vio idiomo, kiu tamen ne celas forpelon de la naciaj lingvoj, sed nur estas mirinda interkomprenilo inter ĉiuj civilizitaj popoloj.

« En la espero, ke per via entuziasmoplena laboro Esperantismo ĉiam pli kaj pli prosperos, mi ripetas al vi : Estu tutkore bonvenotaj en Augsburg. » (*Longaj aplaŭdoj.*)

S-ro *Beideck*, Del. de Augsburg, diras kelke da afablaj salutvortoj, en la nomo de la organizantoro kaj de la Augsburgaj Esp-ianoj.

Estas legataj multe da salutleteroj kaj telegramoj alvenintoj el plej diversaj regionoj. Jen la teksto de la letero de D-ro Zamenhof :

« La Universalan Esperanto-Asocion mi gratulas sincere okaze de ĝia unua Kongreso kaj al la Kongresanoj mi sendas mian koran saluton. La fervora kaj utila laborado de U. E. A. estas tre bone konata en la tuta esperantista mondo kaj ne bezonas apartan laŭdon ; tial mi povas nur esprimi la deziron kaj esperon, ke la juna sed jam tre forta Asocio progresados plue laŭ la sama mezuro, kiel ĝis nun, kaj baldaŭ kovros la tutan teron per siaj tre utilaj kaj simpatiaj aranĝoj. *L. Zamenhof.*

La Kongreso decidas telegrame respondi al nia Majstro.

Poste, S-ro *H. Hodler*, Vicprezidanto de U. E. A. kaj administra fakestro, en flua kaj supera stilo klarigas la celon de U. E. A. kaj de ĝiaj Kongresoj. Tiu bonega oratora artajo, ofte interrompata de aplaŭdoj plenvorte aperos en ladetala Kongresa raportaro kaj en la proksima nº de ESPERANTO.

La kolektiva kantado de la himno finis ĉi tiun unuan belan kunvenon.

### La laboraj kunvenoj.

En la sekvantaj tagoj okazis la sep laboraj kunsidoj, plej lerte gvidataj de S-ro Mudie kaj ĉiam tre bone vizitataj de la Esperantianoj. Oni multe laboris. Entute 26 raportoj pri administraj, financaj, komercaj, junulaj, turismaj demandoj kaj pri multe da pli-malpli flankaj aferoj estis farataj. Ne estas ĉi tie la loko por detale raporti pri ĉiuj laboroj, iniciatoj, proponoj kaj decidoj. Sed ni nepre devas aldoni ke la Kongreso dum 7 laboraj kunsidoj diskutadis kaj decidis pri 71 demandoj. Tio certe signifas gravan kaj sukcesplenan laboron kaj denove pruvas, ke U. E. A. estas vivoplena kaj progresema entrepreno Ĉiuj raportoj estis antaŭe presitaj kaj disdonitaj al la Kongresanoj, kio estis tre ŝatata kaj multe faciligis la laboron. La protokolaro kaj raportoj aperos en la Oficiala Dokumentaro. Ni ĉi tie donas nur resumon pri la kunvenoj. Dum la tuta Kongreso, la protokoloj estis faritaj de S-ro J. Schmid, Komitatano :

*1a Labora kunsido* (29 Julio).

La Kongreso decidas, ke ĉiuj raportoj disdonitaj estas konsiderataj kiel legitaj. Iliaj aŭtoroj nur aldonos kelkajn komentariojn.

La deziresprimo rilata al raporto 1a (Administra fako) estas unuanime aprobita, post diskutado pri distriktaj Del., en kiu partoprenis S-roj *Hodler, Szabuniewicz, Barvir*.

S-ro *Hodler* komentarias la Raporton 2-an pri revizio de la Statuto kaj montras ĝian necesecon. Post diskuto pri la vorto fakestro inter D-ro *Kandt* kaj S-ro *Stettler* kaj diversaj rimarkoj el kiuj rezultas vortaj ŝanĝoj la principo de la revizio de la statuto estas akceptita kaj ĉiuj rilataj deziresprimoj aprobitaj,

La Raporto 3a pri Esperantia propagando estas unuanime aprobata sen diskutado.

S-ro *Stromboli* malvolvas Raporton 4an (ekŝigo de la Del. kiuj ne varbis 20 membrojn). S-ro Mudie konstatas, ke la propono ne devas fariĝi leĝa. Voĉdonado ne okazis.

S-ro *Glück* (Wien) subtenas Raporton 5an (interkonsenti kun la Esp. societoj por la elekto de novaj Del.). S-ro *Privat* konstatas, ke la propono estas danĝera, ĉar kelkaj grupoj havas Esp. « politikan » karakteron. S-ro *Hodler* klarigas, ke oni povas doni nur konsilojn en la senco de la propono. Fine, la deziresprimo proponita de S-ro Privat estas akceptita.

La deziresprimo de la Raporto 6a (forigo de la Esp. grupoj kiel Esp.-iaj Entreprenoj) estas malaprobita post kontraŭaj al ĝi rimarkoj de S-roj *Szabuncewicz, Glück, von Frenkel*.

*2a Labora Kunsido* (29 Julio).

La Raporto 8a pri la Konsula fako estas aprobita sendiskute.

La Raporto 9a (anstataŭo de la titolo Delegito per la titolo konsulo kaj reciproke), prezentita de S-ro Carles estas malakceptata, post kritikoj de S-roj *Barvir, Szabuméwicz, Glück, Privat*.

S-ro *Privat*, pro foresto de S-ro Blaise, donas klarigojn pri la Raporto 10a (Esp.-Oficejoj). S-ro *Stettler* opinias, ke oni povasakcepti tiun raporton nur kiel konsilon, sed ke la Centra Oficejo ne povos eble ĉion prizorgi. Sekvas diskuto pri punktoj 3a, 4a kaj 5a. Fine, la prezentitaj deziresprimoj estas akceptitaj, kun kelkaj modifoj.

S-ro *Stettler*, anstataŭante S-ron Rousseau, donas kelkajn klarigojn pri la financa raporto. Malgraŭ la iom seka temo la ĉeestantaro kun granda intereso sekvas la parolanton kaj varme aplaŭdas lin. La fino de la diskuto estas resendata ĝis la proksima kunveno.

*3a Labora Kunsido* (30 Julio).

Sekvo de la diskuto pri la financa raporto. — S-ro Barvir proponas akcepti la tutan raporton. S-ro Rockmann opinias, ke oni povus ŝpari pri la presado de la Jarlibro. S-ro Hodler donas kelkajn klarigojn pri la Jarlibro. La Raporto (escepte la kotizaĵoj) estas unuanime aprobita.

S-ro *Stettler* klarigas la financan staton de l'Asocio. Ĝis nun ĉiu Del. rajtas havi konton, 1/3 el tiuj kontoj ne atingas 1 S-m. Ili kaŭzas multe da laboro por nenio. Entute ni havas 850 kontojn. Tia situacio ne povas resti. Pro la troa laboro oni riskas ne plu havi la tempon por la gravaj interesoj de U. E A. Estas necese ellabori novan financan regularon, laŭ kiu nur tiu persono povos havi konton, kiu de, onis antaŭan monprovizon — S-ro *Stromboli* donus konton nur al la Del. varbintaj 20 membrojn — S-ro *Szabuniewicz* konsentas kun la propono Stettler — La punkto 1a (pri financa regularo) estas unuanime aprobata

S-ro *Stettler* konstatas, ke la buĝeto ne povas esti pli modesta. Tial oni devas serĉi monrimedojn por pagi la kreskantajn elspezojn. Plej grava estas la kotizaĵo de la membroj. Oni unue diskutu ĝin.. S-ro *Stromboli* proponas kotizaĵon da 1 Sm. kun la Jarlibro. Ni ne povas doni gravajn servojn sen supre alta kotizaĵo. — S-roj *Chrislaller, Glück, Rockmann* rekomendas ne plialtigi la katizaĵon, ĉar oni tiel perdos membrojn. — S-ro *Bavir* proponas 50 Sd. (kun Jarlibro).— S-ro *Szabuniewicz*, konsiderante la necesecon iom altigi, proponas 50 Sd. (sen Jarlibro).— S-ro *Gluück* kaj *Barvir* subtenas la propono 50 Sd. (kun la Jarlibro). —S-roj *Stettler* kaj *Hodler* kontraŭstaras al tiu propono, kiu anstataŭ altigi malaltigas la enspezojn. — S-ro *Mudie*, en sia propra nomo, diras ke la plej bona propagandilo por U. E. A. estas la Jarlibro ; estas necese ke ĉiuj membroj havu ĝin. Li proponas kotizaĵon da 50 Sd., el kio la Del. ricevos 125 S., U. E. A. do ricevus 375 S. kaj donus senpagan jarlibron.

En la diskutado partoprenas ankoraŭ S-roj *Szabuniewicz, Hoen, Mahn. Hodler, Stettler, Mudie*. La voĉdonado donas la jenajn rezultatojn : Propono Stromboli (1 Sm.) malakceptata. — Propono Glück (Ĝisnuna kotizaĵo : 36 Sd.) malakceptata. Propono Barvir-Mudie (50 Sd., 1/4 por la Del. kun Jarlibro), *akceptata* per 14 kontraŭ 13 voĉoj. Propono Szabuniewicz-Hodler (50 Sd. sen Jarlibro), malakceptata per 18 voĉoj kontraŭ 13.

S-ro *Mudie* resumas, ke laŭ tio la Kongreso proponas al la Del. kotizaĵon da 50 Sd., 1/4 por la Del., kun senpaga Jarlibro. Li rimarkas, ke ĉar laŭ la opinio de kelkaj tiu decido estas finance danĝera, li estas preta donaci 100 Sm. (aplaŭdoj).

*4a Labora Kunsido* (30 Julio).

S-ro *Szabuniewicz* proponas, ke oni revenu al la antaŭa decido pri kotizaĵo, ĉar kelkaj aŭ ne bone komprenis aŭ eraris. S-ro *Mudie* proponas kelkajn plibonigojn pri la Jarlibro. La Kongreso decidas ne reveni al la antaŭa decido.

S-ro *Stettler* komentarias la tabelon de la aliaj proponitaj kotizaĵoj. — S-ro Stromboli proponas, ke la dumviva membroj pagu 20 S-m., ne 30. — Kontraŭopinias S-roj *Stettler* kaj *Szabuniewicz*. — La tabelo de la aliaj kotizaĵoj estas unuanime aprobata.

S-ro *Rockmann* klarigas pri Raporto 20a (Junuloj). — S-ro *Glück* proponas, ke oni faru alvokojn en naciaj gazetoj pri niaj servoj de interŝanĝo. La raporto estas aprobita kun la aldono de S-ro Glück. Kelkaj rimarkoj de D-ro *Kandt* kaj S-ro *Wichert*.

Pri Raporto 22a (Studentoj) S-ro *Schiff* proponas diri « Konsulo por Junuloj kaj studentoj ». — S-roj *Privat* kaj *Szabuniewicz* kontraŭstaras : konsulo por studentoj kaj por junuloj eztas du tre diferencaj aferoj. La redakto de S-ro Privat estas unuanime akceptata kaj kun modifo proponita de S-ro Stettler la tuta raporto aprobata. D-ro *Kandt* komentarias la interesan komercan raporton.

*5a Labora Kunsido* (1a Aŭgusto).

En la diskuto de la komerca raporto partoprenas S-roj *Mangelsdorf, Barvir, Kandt, Szabuniewicz, Rousseau, Stettler*. Fine la deziresprimoj estas aprobataj kun kelkaj ŝanĝetoj.

S-ro *Rousseau* bonege klarigas diversajn demandojn pri sia raporto (stipendioj). — S-ro *Mangelsdorf* vidas en la afero nur elspezojn, ne ekspezojn. — S-ro *Rousseau* diras, ke U. S. A. lastan jaron donis 100 S-m.; tio estus daŭrigata. La raporto estas aprobata kun aldono de S-ro Szabaniewicz, ke la Del. ebligu kiel eble plej malgrandajn loĝelspezojn al la stipendiulo.

S-ro *Rousseau* klarigas sian raporton (Esp.-iaj liceaj grupoj). Post diversaj rimarkoj, redakta komisiono konsistonta el S-roj Rousseau, Privat, Szabuniewicz proponos deziresprimon.

Pri la Raporto 12a (U. E. A. kaj laboristaro), S-ro *Barvir* proponas kelkajn ŝanĝojn. — S-ro *Rudwicki* rakontas pri siaj spertoj koncerne dungado kaj plendas pri kelkaj respondoj — S-ro *Hodler* respondas pri tio kaj insistas, ke en la cirkuleroj sendataj por uzi la servojn oni ĉiam respektu la kongreso — La raporto estas unuanime akceptata.

S-ro *Hodler* varme rekomendas Raporton 17an (varbado de internaciaj kunvenoj kiel Esp.-iaj Entreprenoj). La raporto estas resendata al la redakta komisiono por la starigo de deziresprimo.

Deziresprimo de S-ro Stromboli pri disdono de reklamiloj estas unuvoĉe akceptita.

*6a Labora kunsido (1. Aŭgusto)*

La deziresprimo de la Raporto 17a de So Linares estas aprobita. Same la Raporto pri Esp-iaj Lernejaj sekcioj.

Sroj *Glücq, Barvir* kaj *Rudnicki* proponas deziresprimon pri neŭtraleco de la Espianoj en ĉiuj Esp-iaj eldonaĵoj kaj cirkuleroj — S-ro *Privat* opinias, ke partia societo povas sendi circuleron per U. E. A. ; la Del. ne devas konsideri la enhavon — S-ro *Mudie* same opinias — S-roj *Glück* kaj *Barvir* defendas sian proponan, rimarkante ke tro ofte Esperantistoj kutimas uzi Esp. por tiaj ŝovinaj celoj — S-ro *Rousseau* opinias la demandon tre simpla. Kiam komercisto dissendigas prospekton ni ne konsideras la enhavon ; kiam iu partio same agas tio estas sama afero, sed neniam la nomo de la Del. aperu sur tiaj paperoj — La deziresprimo, simpligita de S-ro Mudie, estas aprobita unuanime.

La Raporto 15a (organizo de l'komerco) estas sendiskute aprobita.

Pri la Raporto 16a (servoj de la jurnalo « Esperanto ») S-ro *Mudie* proponas, ke la kongreso esprimu sian aprobon pri la jurnalo — S-ro *Tarnow* dezirus plimalgrandigon de la formato. — S-ro *Hodler* konstatas, ke la formato estas iom nacia afero, sed li estas preta studi la demandon. La propono Mudie estas aprobita.

S-ro *Schmid* klarigas pri la Raporto 18a (Monosistemo) kaj montras kelkajn eldonaĵojn en tiu formato — S-roj *Privat, Tarnow, Kandt* rekomendas la proponon. La deziresprimo kun aldono de S-ro Schmid estas unuanime aprobita.

S-ro *Rousseau* vigle defendas la Raporton 10a (Reformo de l'kalendaro) — S-ro *Czubryrsiky* opinias, ke la kongreso ne estas kompetenta — S-ro *Privat* klarigas, ke jam diversaj institucioj, i. a. la kongreso de la komercaj ĉambroj aprobis tiun reformon — S-ro *Rousseau* diras,ke la demando ne estas astronomia afero, kiel iuj asertis, sed komerca kaj socia — S-ro *Kandt* deklaras, ke U. E. A. okupiĝas ne nur pri materialaj. sed ankaŭ pri idealaj, temoj, Per la subteno de tiaj proponoj ni gajnos multe da novaj membroj ĉe la progresema komercistaro.

S-ro *Glück* kaj *Szabuniewicz* timas, ke tiaj decidoj nin ridindigos — S-ro *Kandt* respondas, ke post la decido de la kongreso de komercaj ĉambroj pri tio, U. E. A. estas en bona kompanio. La deziresprimo estas aprobata per plimulto.

La Raportuto 14a (presado de la nomoj de la Delejito en naciajn adresarojn) estas sendiskute aprobata.

*7a Labora Kunsido (2 Aŭgusto).*

S-ro *Schmid* donas la necesajn informojn pri la turisma raporto — S-ro *Mudie* rakontas pri vizito en Rejna Esp. Kolonio — S-ro *Mahn* proponas, ke pri afiŝoj en stacidomoj U. E. A. interkonsentu kun naciaj societoj — S-rs *Rousseau* opinias, ke tia interkonsento estas kutime bona, sed ĝis ni havos ĝin, ni devos longe atendi. U. E. A. faru afiŝojn por si mem. La raporto estas aprobita.

Deziresprimo proponita de S-ro Settler pri komuna Esp-ia ŝildo estas akceptita.

Post kelkaj rimarkoj, de S-roj *Schimd, Hodler, Szabuniewicz. Mudie* la raporto pri gvidfolioj kaj gvidlibroj estas aprobita.

La Raporto 24a (Esp-ia Biblioteko), post rekomendo de S-ro *Hodler*, estas unuanime aprobita.

### La ferma Kunveno.

Ĝi estis honorata per la ĉeesto de la vicurbestro de Augsburg, kiu salutis la kongresanojn en la nomo de l'urbo kaj gratulinte ilin pri la bela sukceso aludis pri la influo de la kongreso en Augsburgo (aplaŭdoj).

S-ro *Mudie* anoncas, ke por la proksima jaro oni ricevis inviton el Antverpeno por la *dua* kongreso de U. E. A. Li proponas ĝin akcepti kaj okazigi la kongreson ĉu antaŭ, ĉu post la ĝenerala Esperantista kongreso. Tiu propono estas akceptita. La *dua* do okazos en Antverpeno, sed aparte de la Esp-ista kongreso, ĉu antaŭ, ĉu post ĝi.

S-ro *Th. Rousseau* proponas, ke konsiderante la utilecon de la Instituto de Esperanto, U. E. A. per rezolucio esprimu sian subtenon al tiu grava institucio. — La propono apogita de S-ro Mudie estas unuanime akceptita.

S-ro *Mudie* dankas fervore ĉiujn personojn, kiuj helpis al la sukceso de la kongreso kaj esprimas sian plenan kontentecon pri la rezultatoj atingitaj. Nia unua kongreso bonege laboris kaj montris la vivplenecon de nia asocio ; ĝi estu la komenco de glora serio (aplaŭdejoj).

S-ro *Hodler*, en la nomo de la kunveno, esprimas siajn dankojn al la Prezidanto de U. E. A. S-ro Mudie, pro la majstra maniero per kiu li direktis la debatojn kaj sukcesis plenumigi la tre ŝarĝitan tagordon. Li esperas, ke li longe restos kiel prezidanto de nia Asocio (aplaŭdoj). S-ro Hodler deklaras, ke la centra Oficejo de U. E. A. dum la venonta jaro faros sian tutan eblon por efektivigi la deziresprimojn de la kongreso. La nuna kongreso estis refortiga ekzemplo por ĉiuj Esperantiaj laborantoj ; ĝi ne nur utilis por la laboro mem, sed por la reciproka sinkonado kaj interfratiĝo. La Esperantistaj kongresoj rilatas al nia Esperantia kongreso kiel presprovaĵo al definitiva artikolo (aplaŭdoj). En la unuaj oni preparas, oni propagandas, tie ĉi oni agas, oni jam ekrealigas la Esperantian idealon. Rimarkinda estis la harmonia kaj toleremeco, regintaj dum tiu kongreso. Eĉ demandoj, kiuj ĝenerale alportas nur malpacojn ĉar ili tuŝas naciajn memestimojn, povis esti trankvile ekzamenataj dank'al la neŭtrala fundamento de Esperantismo, konkretigita per U. E. A. (*Aplaŭdoj*). Ni nun laboru por efektivigi la montrojn de tiu Kongreso. Li finas per la vortoj « Vivu la unua Esperantia Kongreso, sed precipe vivu la *dua* Esperantia Kongreso, vivu la estonteco ! (*Longaj aplaŭdoj*).

S-ro *Privat* dankas pro la akcepto de la deziresprimo pri la *Instituto*. Per siaj kongresoj en kiuj estas vere uzata la lingvo Esperanto U. E. A., nedirekte multe pli la boras por ĉi tiu lingvo ol la homoj, kiuj senĉese parolas kaj diskutas pri ĝi (aplaŭdoj).

En la nomo de la Augsburganoj S-ro *W. Beideck* varme dankas la kongresanojn dank'al kiuj Augsburg estas Esperantigita. Li deziras plej bonan hejmvojon al ĉiuj Esp.-ianoj.

S-ro *Mahn*, Del. Breslau, fervore dankas la komitaton pro ĝia grandega laboro kaj la lerta labora aranĝo de tiu Kongreso (aplaŭdoj).

# Esperanto-Movado

### Germana Esperantisto (Julio).

S-ro Behrendt, la nova ĉef- redaktoro de tiu-ĉi jurnalo sub la titolo : « Ni konservu la pacon » pritraktas la nunan situacion en Esperantujo kaj severe kritikas la malpacojn inter kelkaj « ĉefoj » en nia movado. « Oni ne malaltigu la intencojn de alia, ne povante aprobi la ilojn por realigi la intencojn. Kaj se la kamarado ne sukcesas sur sia vojo, oni ne fanfarone ekĝoju pri eble nura malfeliĉo okazigita de ne favoraj cirkonstancoj ! » Li finas la artikolojn per jenaj vortoj : « Ni respektu la karakteron de la alia, kiu en malsimilaj al nia vivkondiĉoj troviĝis kaj pro tio devas iri alian vojon. Samcelantoj ne serĉu la disigajn, sed prefere la kunigajn eblecojn, ĉiam konsiderante la komunan celon. Tiamaniere la iamaj malamikoj povas fariĝi amikoj, la amikoj fariĝos veraj fratoj, kiujn ĉiu homo bezonas ».

Multaj festoj okazis en Germanujo. Ni citas la ĉefajn : La « Saksa Esp. Ligo » havis sian kunvenon en Freiberg, kiun ĉeestis delegitoj de 39 grupoj de tiu ligo. La plej interesa decido de tiu kunveno estas prezenti al la G.E.A. la deziresprimon de la ligo, ke la G. E. A. interkonsentu kun U. E. A., ke la delegitoj de tiu asocio en Germanujo estu nomataj konsente kun la estraro de G. E. A., ke la G. E. A. destinu specialajn delegitojn por la propagando inter la junularo.

Okazis kunveno de la « Sudokcidenta Esp. Ligo » en Wiesbaden.La ĉefa punkto de la diskutoj estis la regularo de la Ligo, kiu fine estis akceptita.

La « Bavara Ligo » organizis feston en Weissenburg i/B, kiun ĉeestis pli ol 100 gesamideanojn de Bavarujo. Dank'al la helpo de la loka urbestraro kaj kelkaj lokaj (ne esperantistaj) societoj, la festo bone sukcesis. Okazis kelkaj paroladoj. Dank'al tio en Weissenburg fondiĝos grupo. La « Orientgermana Esp. Ligo » havis sian kvaran kunvenon en Bromberg.

En St. Georgenthal okazis kunveno de la « Libera Saksa-Bohema Limligo ».

S-roj Camillo kaj Carl Schwarz, la organizintoj de la « Varietea Esp. Ligo », aranĝis en la Berlina » Apollotheater » specialan Esp. prezentadon. Ĉiuj artistoj parolis pri Esp.-, kelkaj el ili Esperante. Tiu propaganda vespero liveris ŝatindajn rezultatojn.

S-ro Gottgetreu paroladis en Hannover. Dum tiu parolado oni prezentis knabojn, kiuj lernis Esp. La urba konsilanto por lernejaj aferoj konsentis, ke en ĉiuj popolaj lernejoj oni instruu Esp. Por prepari instruistojn por tiuj lernejoj, malfermiĝis speciala kurso. Dum la lasta tempo en Germanujo okazis 9 paroladoj, malfermiĝis 8 kursoj kaj fundiĝis 5 grupoj.

### Germana Esperanto-Gazeto (julio).

Ĝis enhavas interesan artikolon de S-ro R. de Ladevèze pri la ĵus aperintaj vortaroj de Boirac, Kabe kaj Verat.

Krom la multaj aliaj informoj, jam cetitaj de ni el G. E. troviĝas informo pri novfondita esp. grupo en Weissenfels a/S.

### Le Monde Esperantiste (julio).

Interesa artikolo de S-ro Adam Zakrzewski pri « Nia Lingva Komitato kaj ĝia natura evolucio ». Parolante pri iamaj atakoj kontraŭ la Lingva Komitato (ĝia multenombreco), li, bazante sur la respondoj de la nun proponitaj kandidatoj montras la neceson atente ekzameni la personojn, kiujn oni proponas por esti kandidatoj en tiu institucio. Li pretendas, ke la estraro de la Lingva komitato ne sufiĉe atente zorgas pri la komitataj aferoj. Finante li alvokas : Se tamen la estraro ne povas aŭ ne volas okupi sin pri tio, estus plej bone krei specialan balotan komision por ekzameni detale kvalitojn de la proponitaj kandidatoj kaj eĉ esprimi aprobantajn aŭ malaprobantajn opiniojn, antaŭ ol submeti longajn seriojn da nekonataj nomoj al voĉdonado de komitatanoj.

« Tio, laŭ mia opinio, estus nepre necesa por savi la aŭtoritaton de nia ĉefa lingva instituto ».

### La Ondo de Esperanto (junio, julio).

En tiu Nº troviĝas la parolado de D-ro Zamenhof dum la Tutrusa kongreso en Peterburgo. Ni eltiras la ĝenerale interesan lokon... « Niaj kongresoj, ne sole la universalaj, sed ankaŭ la naciaj, havas antaŭ ĉio signifon instruan kaj edukan. Esperantistoj, disjetitaj en diversaj urboj kaj urbetoj, kunvenas... en pli aŭ malpli granda amaso, por aŭdi nian lingvon, ĉu ili bone ĝin komprenas, por kompari sian propran manieron de parolado kun la parolmaniero de pli spertaj esperantistoj. Kiam ili poste revenas hejmen, ili ne sole mem parolas pli pure, sed ili alportas modelon de bona parolado al tiuj, kiuj restis hejme. Tiamaniere la kongresoj reguligas la uzadon de la lingvo, kaj dank'al niaj kongresoj jam nun oni parolas Esperanton perfekte egale ne sole en la plej malproksimaj anguloj de ĉiu aparta regno, sed en ĉiuj plej malsamaj lokoj de la tuta tera globo. Jam nun, kiam oni aŭdas bonan kaj spertan Esperantan oratoron, oni neniel povas diveni, al kiu nacio aŭ lando li apartenas. La plena aŭtonomia vivo de nia lingvo, kun ĝia absolute propra ne pruntita kaj ne imitita spirito, ĉiam pli kaj pli fortikiĝas tiamaniere, kvazaŭ ĉiuj esperantistoj de la mondo loĝus kune sur unu malgranda peco da tero.

Ne malpli grava estas la eduka signifo de la esperantistaj kongresoj. Izolitaj esp.-istoj, kiuj neniam havis la eblon praktike apliki tion, kion ili lernis, ofte dubas, ĉu efektive per Esp.- oni povas tute bone interkompreniĝi. Eĉ interne de la esp. grupoj oni ofte ne kuraĝas paroli Esperante, oni balbutas, oni preferas paroli en sia nacia lingvo kaj proporcie al la nekuraĝeco de la parolado aperas ankaŭ nekuraĝeco de propagando, ĉar la esperantistoj balbutantoj malgraŭ vole ne povas liberigi sin de la timo, ke eble tamen Esperanto estas afero pli teoria, ol praktika, sed kiam la balbutanto venas al kongreso, kie li havas la eblon aŭdi bonajn kaj spertajn Esperantistajn oratorojn, kiam li per siaj propraj oreloj kaj okuloj konvinkiĝas, kiel bele kaj flue oni povas paroli en Esperanto, li entuziasmiĝas, li vidas, ke li laboras por io viva kaj vivoplena, li revenas hejmen kun nova kuraĝo kaj energio. Niaj kongresoj ne sole la universalaj, sed ankaŭ la lokaj, tiamaniere edukas konvinkitajn, sekve ankaŭ entuziasmajn batalantojn por nia afero.

Tio estas la ĉefaj motivoj, pro kiuj ni en ĉiuj niaj kongresoj ne sole en la universalaj, sed ankaŭ en la naciaj aŭ regionaj, nepre devas paroli ne sole pri Esperanto, sed ankaŭ per Esperanto. »

Ni jam informis niajn legantojn, ke la IIa kongreso de la Tutrusa esp.-aro okazos en Moskvo. Nun la organiza komitato informas, ke la kongreso okazas dum kristnasko kaj festoj de 1911.

### Pola Esperantisto (junio, julio).

En Varsovio okazis eksterordinara kunveno de P. E. S. por elekto de Prezidanto, ĉar S-ro Grabovski pro malsano eksiĝis. Pro neoportuna momento oni prokrastis la elekton de prezidanto kaj invitis S-ron Belmont (vic.-prez.) plenumi tiun taskon. Fondiĝis grupoj en Bialystok (la urbo, kie naskiĝis D-ro Zamenhof) kaj Krakov. En la lasta urbo malfermiĝis eskursoj.

### Bohema Revuo Esperantista (Časopis Českych esperantistu).

La IIa Kongreso de Bohemaj Esp.-istoj okazos la 24-25 junio de septembro en Praha. La aŭstria ministerio de fervojoj dissendis al sia oficistaro cirkuleron, per kiu ĝi atentigas pri signifo de Esperanto por la Internacia komuniko.

Lastatempe en Bohemujo okazis paroladoj pri Esperanto, 3 kursoj estis malfermitaj, 2 grupoj fonditaj.

### Rumana Esperantisto (aprilo, majo, junio).

Interesa raporto pri la ekskurso de kelkaj rumanaj samideanoj Konstantinopolon. De tiu ekskurso rezultis fondo de turka esp. asocio, havigo al la U. E. A. dedelegito en tiu urbo. La turkaj samideanoj promesis partopreni la apuddanuban Esp. kongreson, okazontan en Belgrado.

En Bukaresto malfermiĝis 5 kursoj kaj en Jaŝi- unu.

### Informaj Raportoj (julio, aŭgusto).

Por paralizi la atakon faritan de la Idistoj, la Ligo de germanlingvoj aŭstriaj grupoj verkis specialan cirkuleron, titolitan « La 'tutmonda helplingvo », kiu informas pri efektiva valoro de nia lingvo kaj de reformprojektoj. Ĝi estas verkita germanlingve. Mendoj akcepteblaj ĉe S-ro D-ro Werbir, Wien VI, Dürergasse 19.

Tiu Nº enhavas interesan artikolon pri la agado de la Akademio kaj Lingva komitato. Kiel reprezentanto de la Ligo de German lingvaj Austr. Grup. Esp. en la Internacia konsilantaro, zorganta pri la financaj rimedoj de la Ofic. Institucioj Esp. estas nomata S-ro Prof. S. Lederer el Praha.

### Holanda Pioniro (julio).

La jarkunveno de la Hol. Soc. Esp. : « La Estonto estas nia ! » okazis la 17 de julio en Hago. Lastatempe en Holandujo okazis 1 parolado pro Esperanto kaj fondo de 2 novaj grupoj.

### Norvega Esperantisto (majo, junio).

Estas fondita Norvega tutlanda Esp. Asocio. 4 novaj kursoj estas malfermitaj. Okazis unu parolado pri Esperanto.

### Greklingva Esperantisto (majo).

En Heraklion (Kreto) fondiĝis nova grupo.

### Lingvo Internacia (julio).

Parolante pri tio, ke « Unueco donas forton », S-ro Th. Cart, kritikas unuecon instigitan per iu ajn estraro aŭ, kiel li diras « per ia severa disciplino, kiu rapide detruas ĉiun iniciativon ». Li ne volas unuiĝi laŭ tiu sistemo, ĉar tiam « Unueco ne estas forto ! au ĝi estas nur ŝajno, ne daŭra forto, por nia afero, pli danĝera, ol utila ! »

« Sed, se unueco signifas kunlaboradon fratan kun plena respekto de la rajtoj de ĉiuj, se anstataŭ neniigi la individuajn energiojn ĝi stimulas ilin, se ĝi lumigas por ni la vojon, sur kiu ni iros ne kiel senvolaj soldatoj, kiujn oni marŝigas, sed kiel liberaj homoj, kiuj marŝas mano en mano, unuvole, al sama celo, se tia estas la unueco... ho ! jes, ĝi estas forto, kaj ĉion ni ĉiuj faros por ĝin efektivigi.

Sed ĉu ĝia nomo ne pli ĝuste estas kunago ? Ĉu la bona traduko de la belga devizo ne estas : « Kunago donas forton ? » Kiel pli vera, profunde vera tiu ĉi lasta vorto ! kiel pli respekta al ĉiuj ! Kiel pli bela ! »

La 28 de junio okazis kunveno de la akciuloj de la presa societo esp. en ĝia sidejo. Unuvoĉe estis aprobita la bilanco. La profito dum la jaro estas 174 fr. — Interesa artikolo de F-ino M. Hankel, nomata « Interkonsento ». Ŝi dividas la Esp.-aron en 3 klasoj : Verkistoj, redaktoroj kaj legantoj. Parolante pri la verkistoj, ŝi diras ke ofte ili, uzante la lingvon en diversaj direktoj, ili eble ofte troviĝas en embaraso, ne trovante tute ĝustan vorton por esprimi sian ideon. Ŝi lasas al la verkistoj la liberecon tre singardeme, elekti kaj bone esplorante, propone uzi fakesprimon au radikvorton. De la alia flanko la legantaro, vidante novajn esprimojn kaj radikojn tre malkontentiĝas pri tio. Inter tiuj du partioj ŝi metas la redaktorojn, kiuj devus interkonsentigi ilin ambaŭ. Por solvi la demandon, ŝi proponas jenan interkonsenton : « Pro tio necese estas, unue, ke la redaktoro mem havigu al si ĝustan, aŭ pli bone, memstaran opinion pri la enkonduko de novaj vortoj. Due, li devas konigi al la verkistoj sian opinion, la regulon elektitan por sia gazeto. Trie, li ĉiam klarigu per piednotoj aŭ inter krampoj la novan vorton. Kvare, li starigu lingvan fakon en ia angulo de la gazeto, en kiu li estas preta, publikigi la opiniojn de la legantoj, al li sendotajn pri novajn vortoj. » La 4a punkto estas prave kritikata de la redakcio, kiu naskos tre ofte « vanan tempoperdigon kaj fine akran disputon ».

Reaperis la **Voĉo de Farmaciistoj**.

**Mundus**, Echo internacional, Rome, Via Nazionale, N 152.

Redaktata en 6 lingvoj, inter kiuj estas « Esperanto ». La Nº 12 de tiu revuo enhavas artikolon de Prof. L. Giambene pri internacieco, en kiu li montras, ke ne povas ekzisti vera internacieco, malgraŭ tio, ke multaj parolas pri ĝi, sen lingvo internacia. Eĉ, laŭ la unua rigardo infana, la interŝanĝo de poŝtkartoj « povas esti tre utila por frate kunigi milojn kaj milojn da homoj ». Li montras niajn internaciajn enketojn fakajn societojn kaj jurnalojn, en kiuj regas la vera sento de Internaciismo. Li finas per la

Post tiuj paroladoj, la prezidanto deklaras fermita la 1-an Kongreson de U. E. A,

**La Festoj.**

Ili ne mankis; ĉiu vespere estis distraĵo kaj tiel la kongresanoj trovis okazon por sin reciproke renkonti kaj interkonatiĝi.

Jaŭdon 28 a, okazis malferma festeno en hotelo Drei-Mohren. Preskaŭ ĉiuj kongresanoj ĉeestis. Ĉe la deserto, alternante kun muziko, tostis S-ro H. Bolinghoke Mudie al D-ro Zamenhof kaj la idealo de Esperantismo, S-ro Privat al la Delegitoj kaj al ĉiuj sindonaj Esperantiaj laborantoj, S-ro Szabuniewicz alportas la salutojn de Orientaj samideanoj kaj S-ro Stromboli de la Italaj Esp.-ianoj, S-ro Linse, en la nomo de la Varietea Esp. Ligo., S-ino Hankel, en la nomo de G. E. A.

Post tiu festeno okazis ĉe la Borso parolado de S-ro Prof. Lederer pri Esperanto antaŭ granda ĉeestantaro. Amuzan distrajon liveris la parolado pri Ido samtempe aranĝita de S-ro Haugg antaŭ preskaŭ pure Esp.-ista aŭditorio; la rezultato estis, ke deko da personoj sin enskribigis por *Esperanta* kurso!

Vendredon vespere okazis komuna veturo al pentrinda Kohben. Tiu vesperfesto estis plej ĝoja. Okazis komuna manĝo de la kongresanoj, koncerto kaj artaj fajraĵoj.

Sabato vespere estis dediĉita al la bela parolado de S-ro Privat, pri kiu ni sube raportas.

Dimanĉon, cento da kongresanoj frue veturis per vagonaro al *Füssen* kaj el tie per ĉaroj al *Neuschwanstein* por viziti la grandiozajn reĝajn kastelojn. Tiu unika vidaĵo, kvazaŭ ellaboraĵo de romantika sonĝo, elvokis ĉies admiron. La reveno, interrompita per komuna manĝo en Füssen, estis tre gaja.

Lundon, okazis en Schiessgraben, granda vesperfesto. Ĝi komenciĝis per bela parolado de Prof. Lederer, el Praha, pri *vojaĝo al Orlando Klondyke*. Tiu parolado ilustrita per serio de pli ol cent belegaj lumbildoj multe interesis la grandan ĉeestantaron. Sekvis diversaj kantoj, muzikaĵoj kaj deklamaĵoj, en kiuj estis aplaŭditaj F-ino Jahns, S-roj Steier kaj Farnick, la lasta sepjara knabo. La orĥestro ludis la belan novan muzikon de « La Espero » dediĉitan de samideanino al U. E. A. kaj poste la tuta ĉeestantaro ĥoris nian himnon. Vigla balo, kiu daŭris ĝis la kvara matene, finis tiun gajan kaj tre bone aranĝitan feston.

Ĝuste antaŭ la fermo de la Kongreso okazis vivplena festeno en la korto de hotelo Drei-Mohren. Ĉe la deserto tostis la vicurbestro de Augsburg, kiu eldiris sian admiron al la Kongreso, S-ro Privat, kiu elokvente trinkis al ĉiuj Esperantiaj kunlaborantoj malhelpataj alveturi, S-ro D-ro Dor, kiu salutis la kongreson en la nomo de T. E. K. A. kaj S. F. P. E., S-ro Szabuniewiz, S-ro Mah, k. t. p. La tuta festenularo poste stariĝis por la kantado de la himno.

Fine, mardon vespere, en la halo de l'urba ĝardeno okazis bonega koncerto de la militista muziko, je kiu ĉeestis ĉiuj kongresanoj. La muzikistaro dufoje ludis la « Espero », sub ĉies aplaŭdoj.

*Parolado Privat.*

Sabaton vespere, antaŭ tute plena ĉambrego, S-ro Privat faris elokventan paroladon pri *Esperantismo kaj la vivo de la lingvo*. En mirinde flua Esperanto li bonege montris, ke Esperanto estas nun vivanta lingvo, kiun ni ĉiuj amas, same kiel naciaj amas sian nacian lingvon, ĉar ĝi reprezentas ne iajn konvenciajn signojn, sed idealon propran al la Esperantista popolo. Li aludis pri la interna ideo de Esperantismo kaj montris la gravan rolon de U. E A. por la lingvo mem. Tiu interesplena kaj grava parolado, kiun ofte interrompis viglaj aplaŭdoj, estas presata en unu el la venontaj Noj de nia Jurnalo. Ĝi certe multe helpis por la kompreno de la celado de U. E. A.

**La Ekspozicio.**

Flanke de la akceptejo estis aranĝita ekspozicio. Krom la riĉa Esperanta verkaro oni povis vidi plenan kolekton de la Esperantiaj eldonaĵoj, komercaj prospektoj, gvidfolioj, k. t. p. kaj multajn grafikojn kaj tabelojn, kiuj montras la progresojn de nia Asocio. En apuda ĉambro estis bela ekspozicio de la eldonaĵoj laŭ la Monoformata sistemo, aranĝita de S-ro Bührer, la elpensinto de tiu nova kultorfaktoro, kiu honoris la kongreson per sia ĉeestado.

**La Postkongresaj festoj en Munĥeno**

La postkongresaj festoj en Munĥeno, zorge antaŭpreparitaj, plene sukcesis. La plej multaj el la Kongresanoj vizitis la belegan ĉefurbon de Bavarujo. Komunaj vizitoj de de la plej notindaj vidindaĵoj estis aranĝitaj, sub la kondukado de ĉitieaj sindonaj samideanoj. Merkredon 3 Aŭg. okazis amika kunveno en Peterhof. Parolis diverslandaj samideanoj: S-roj Hodler, Szabuniewicz, Stromboli, Gottgetrea, Glück, k. a. Ĉiutage estis gaja komuna manĝo en la granda bierhalo Pschorbrau. La 4 Aŭg. okazis vespera propaganda parolado antaŭ sufiĉe granda aŭdantaro, el kiu pluraj Munĥenaj jurnalistoj. Paroladis Esperante diverslandaj samideanoj kaj germane D-ro Glück kaj D-ro Kandt. Vendredo estis dediĉita al laŭvola vizitado de la muzeoj kaj kuriozaĵoj. Sabaton estis aranĝita *Esperanto-Tago* en la granda Munĥena Ekspozicio de Mohamedana arto, je kiu partoprenis ĉiuj vizitintoj. Dum la vespero ĉiuj restintaj Esp-ianoj aŭdis koncerton, dum kiu estis ludita la Espero, ĥore kantata de la ĉeestantaj Kongresanoj. Estas tre notinda fakto, ke ĉe la Ekspozicio mem troviĝas — dum la tuta daŭro de la Ekspozicio — bonege arangâta Esp-Oficejo, en kiu dejoras alterne Munĥenaj samideanoj por doni informojn al la vizitantoj. Imitinda iniciato!

**La Kongresoj de G. E. A. kaj T. E. K. A.**

Antaŭ la Kongreso de U. E. A., okazis en Augsburg sukcesplena Kongreso de G. E. A. (*Germana Esperanto Asocio*), kiun partoprenis ĉirkaŭ cento da personoj.

Je la lastaj tagoj de la Kongreso de U. E. A. okazis la kunvenoj de la Kongreso de T. E. K. A. (*Tutmonda Esperantista Kuracista Asocio*), kiun partoprenis diverslandaj kuracistoj kaj kiu ankaŭ tre bone laboris.

Pro manko de loko en tiu No, ni povos raporti pri tiuj du interesaj Kongresoj nur en nia venonta No.

Dum la Kongreso de U. E. A. ankaŭ okazis kunveno de la *Varietea Esp. Ligo*, pri kiu niaj legantoj legos en la speciala rubriko dediĉata al tiu organizaĵo.

*
* *

**Grava Avizo.**

Al ĉiuj personoj, kiuj deziras koni detale la laborojn nia Kongreso, ni tre konsilas mendi la *Oficialan Dokumentaron* de la Kongreso, kiu aperos en septembro. Tiu verko estos speciale utilega al nia Delegitoj kaj diversfakaj konsuloj. Prezo: 50 Sd. (afranke). Ĉar la nombro de la presotaj ekz. estas limigata, oni petata ĝin tuj mendi. La helpkongresanoj ĝin ricevos *senpage* kun kelkaj rememoraĵaj pri la Augsburga Kongreso (helkongresa karto: 1 Sm.).

*
* *

**Dankoj.**

Plej varmajn dankojn ni ŝuldas al la urbestraro de Augburg, al S-roj Krauss kaj Beideck, kiuj zorgis pri la malfacila aranĝo de la Kongreso, al S-roj Brunner, Wichert kaj Hoen kiuj prizorgis la gazetaran servon (ĉiutage aperis plena raporto en la Augsburgoj jurnaloj), al S-ro Arras, kiu afable pruntedonis la belegajn halojn de sia hotelo, al S-ro Arnold, kiu sin okupis pri loĝado, al S-roj Fleck kaj Wohlstadt, kiuj prenis sur sin la aranĝon de la Ekspozicio kaj entute al ĉiuj Augsburgaj samideanoj, kiuj ne ŝparis sian tempon kaj siajn kilopodojn por la sukcesigo de la Kongreso.

vortoj: « Sekve de ĉio dirita mi pensas, ke tiuj, kiuj povas internaciajn celojn devus protiti tiun grandan ilon, Esperanto. Iu konata itala socialisto miris, kaj prave, ke Esperanto ne fariĝis la oficiala lingvo de l'tutmonda socialistaro. Kaj li aldonis, kun sincera konvinkiĝo, tiujn vortojn: Se ĉiuj kamaradoj legos kaj parolos Esperanton antaŭ ol ĝi fariĝos la lingvo tutmonda, la celo de l'socialismo estas atingita sen malhelpoj.

Tiel ĉiuj, iu el sia vidpunkto, devus pensi kaj sekve agi. Se estas okazo en kiu l'adjektivo *internacia* ne estas sensenca, tiu estas kiam ĝi akompanas la substantivon *lingvo*.

S. S.

# BIBLIOGRAFIO

**La Devo**, de Ernest Naville. Parolado adresita al Sinjorinoj de Ĝenevo kaj de Laŭzano. Tradukita de René de Saussure. Prezo: Sm 0,80. Mendebla ĉe Universala Esperantia Librejo.

Tiu interesa libro de la konata filozofo... kaj Esperantisto estas certe tre alloga. La trezoro de la Esperanta literaturo multe profitas de tiu nova verko, bonege tradukita. La sola kritikeblaĵo estas la alfabeto uzata en ĝi. La supersignojn anstataŭas renversitaj punktoj. La tradukinto avertas nin, ke « tio estas eksperimento por montri kiel povas fari la presistoj, kiuj ne havas supersignojn, kaj tiu procedo estas speciale rekomendata al la sciencistoj kaj teknikistoj ». Ni dubas, ĉu tiu procedo varbos al ni multe da sciencistoj kaj teknikistoj, sed ĝi estas almenaŭ rekomendinda kiel *provizora* rimedo por presistoj ne havantaj supersignojn, ĉar ĝi sufiĉe respektas la fizionomion de la Esperantaj tekstoj. Sed kun la tempo kaj la kresko de nia forto la tiel nomata malhelpo de la supersignoj fariĝas ĉiam pli malgranda. La presistoj konformiĝu al la lingva formo, ne la lingvo al la presistaj voloj.

La leganto trovos en tiu traduko kelkajn interesajn novajn esprimojn.

**La Vizito en la karcero.** Humaraĵo de Ernst Eckstein. Kun sep originalaj ilustraĵoj de G. Sundblad. El la Germana lingvo tradukis Rud. Faericks. Prezo Sm. 0.30. Havebla ĉe Rud. Freerick, Düsseldorf, Helmholtzstrasse, 7. Sprita ĥumaraĵo, rekomendinda por gejunuloj.

**La Construction logique des mots en Esperanto.** Réponse à des critiques, suivie de Propositions à l'Académie Espérantiste, par *Antido*, dediĉita ol D-ro Zamenhof. Universala Esperantia Librejo. Prezo, 0,65 Sm.

**La logika bazo de vortfarado en Esperanto**, de Antido. (Esperanta resumo de la supra libro.) Prezo, 0.10 Sm.

En tiu interesa kaj originala verko, la aŭtoro eltiras el la ĝisnuna uzado de Esperanto la principojn por logika bazo de vortfarado kaj derivado en nia lingvo. Laŭ tiu studo la du ĉefprincipoj por la derivado estas la principo de neceso (1) kaj sufiĉo (2). Multenombraj bone elektitaj ekzemploj klare ilustras tiun unuan vere sciencan studon pri la Esperanta vortfarado, bazitan ne sur teoriaj Idistaj aprioriaĵoj, sed sur la ekzistanta lingvo, kies derivado, je la lumigo de tiu verko, aperas tute konforma al la spirito de ĉiuj lingvoj.

**Veneno** unuakta komedio. Originale verkita en Esperanto de *Ramon Limonees*. Prezo, Sm. 0.50 Mexico. Imprenta Internacional. 1-a Aduana Vieja Nun, 4.

**Reaperantoj** familia dramo de Henrik Ibsen. Unua akto. Esperanta Biblioteko Internacia. No 12. Tradukis O. Bünemann. Prezo, Sm. 0.40. Berlin. Esperanto Verlag Mœller & Borel.

**Pri la trausskribo de la Propraj nomoj.** Esperantista dokumentaro. Kajero 15. Prezo 1 fr. Paris. Esperantista Centra Oficejo. 51, rue de Clichi.

**Vortaro esperanta-portugala.** Kompilita de Pobias R. Leite. Librairie Hachette & Cie 79, boulevard Saint-Germain, Paris.

**Ĉiuj plej gravaj libroj kaj ĉiuj jurnaloj estas mendeblaj ĉe Universala Librejo, 10 rue de la Bourse, Genève.**

(1) En konstruon de vorto oni devas enkonduki ĉiujn vortradikojn, sufiksojn, prefiksojn kaj finiĝon necesajn por esprimi plene la ideon reprezentotan de tiu vorto.

(2) Oni devas kiel eble plej eviti dufojan ripeton de la sama ideo en la sama vorto, kaj oni ne devas enkonduki en la vorton fremdajn ideojn ne enentotajn en la ideo esprimota.

# LA LABORO DE LA KONGRESO

Jen la plena teksto de la deziresprimoj akceptitaj de la Kongreso. Pri la raportoj, konsultu la Kongresan dokumntaron.

**Raporto 1-a** (*Administra Fako*)

La 1-a Kongreso de U. E. A. aprobas la raporton de Sro Hodler, komitatano, pri la laboro de la Administra Fako de U. E. A.

**Raporto 2-a** (*Revizio de la Statuto*)

La Kongreso de U. E. A. en Augsburg, aŭdinte la raporton de la Administra Fakestro pri la neceseco de la revizio de l'Statuto kaj aprobinte la ideojn formulitajn en ĝi, esprimas la deziron, ke la Komitato de U. E. A. prezentu al la voĉdonado de la Delegitoj projekton de reviziita Statuto, kiu diferencos de la nuna Statuto pri la jenaj ĉefaj punktoj,

1e La ĝenerala gvidado de la Asocio, ellaborado de la regularoj kaj kontrolado de la Administrado estu komisiata al Komitato de dek membroj, balotata, kiel nun, de la Delegitoj;

2e La Administrado de la Asocio, plenumigo de la laboroj kaj direktado de la servoj estu komisiataj al la Centra Oficejo de U. E. A., konsistonta el Direktoro, Vicdirektoro kaj fakestroj (helpataj de specialaj komisionoj) balotataj de la Komitato;

3e Estu starigata interne de U. E. A. reprezentado de la fakaj internaciaj societoj havantaj neŭtralan karakteron, kondiĉe ke ili estu Esperantiaj Asocioj aŭ Entreprenoj;

4e Estu starigata en ĉiu regiono minimume unu jara regiona kunveno de l'Esperantianoj kaj en ĉiu distrikto minimume unu jara distrikta kunveno de l'Esperantianoj;

5e Estu kreata nova kategorio de membroj, nome aprobantoj;

6e La membroj, Esperantiaj Entreprenoj kaj aprobantoj havu la eblecon anstataŭi la pagadon de jara kotizaĵo per dumviva kotizaĵo (tridekjara por la Esperantiaj Entreprenoj);

.e Povas esti en ĉiu regiono starigata regiona kaso, kies enspezojn liveros la duono de la kotizaĵoj de l'aprobantoj, la dekono de la kotizaĵoj de l'Esperantiaj Entreprenoj, kaj donacoj speciale difinitaj.

**Raporto 3-a** (*Esperantia Propagando*)

La 1-a Kongreso de U. E. A. aŭdinte la raporton de Sro Hodler pri *Esperantia propagando*, aprobas ĝin kaj esprimas la deziron, ke ĉiuj Esperantiaj reprezentantoj klopodu por diskonigi U. E. A., ĝiajn servojn kaj socian signifon ne nur al la Esperantista, sed ankaŭ al la neesperantista publiko.

**Raporto 4-a** (*Pri kondiĉoj de Delegiteco*)

La 1-a Kongreso de U. E. A. rekomendis, ke ĉiuj Delegitoj penu varbi almenaŭ 20 membrojn, sed ne akceptas la konkludojn de la Raporto.

**Raporto 5-a** (*Pri elekto de lokaj Delegitoj*)

La 1-a Kongreso de U. E. A., aŭdinte la raporton 5-an, rekomendas ke antaŭ ol elekti Delegitojn aŭ Subdelegitojn oni prenu ĉiajn eblajn informojn pri la persono kaj karaktero de la kandidato.

**Raporto 6-a** (*Pri Grupoj kaj Esperantiaj Entreprenoj*)

La proponita deziresprimo estis malakceptita.

**Raporto 7-a** (*Financa Fako*)

La 1-a Kongreso de U E. A., aŭdinte la raporton de l'Financa Fako, aprobas ĝin kaj esprimas la deziron:

1. Ke estu ellaborata Financa Regularo konforma al la ideoj klarigitaj en la raporto:

2. Ke la kotizaĵoj, ilia apartigo inter la diversaj kasoj de U. E. A. estu fiksataj laŭ la ĉi-suba tabelo:

| KATEGORIO | SUMO Sm. | REZERVA KAPITALO | CENTRA KASO | REGIONA KASO | DELEGITO |
|---|---|---|---|---|---|
| (Unuaraj). | | | | | |
| 1. Membro . . . . . | 0 50 (1) | » » | 0 375 (3/4) | » | 0 125 (1/4) |
| 2. Esperantia. . . . | 5 » | » » | 4 » (4/5) | 0 50 (1/10) | 0 50 (/10) |
| 2. Entrepreno . . . | 2 » | » » | 1 60 (4/5) | 0 20 (1/10) | 0 20 (/10) |
| 3. Aprobanto. . . . | 1 » | » » | 0 50 (1/2) | 0 50 (1/2) | » |
| (Multjaraj). | | | | | |
| I. Membro dumviva | 30 » | 20 » (2/3) | 10 » (1/3) | » | » |
| II. Esperantia . . . . | 120 » | 72 » (3/5) | 24 » (1/5) | 34 » (1/5) | » |
| II. Entrepreno. . . . | » » | » | » | » | » |
| III. Aprobanto . . . . | 24 » | 6 » (1/4) | 6 » (1/4) | 12 » (2/4) | » |

**Raporto 8-a** (*Konsula Fako*)

La 1-a Kongreso de U. E. A. aprobas la raporton de Sro A. Carles pri la laboro de la Konsula Fako.

**Raporto 9-a** (*Pri la titoloj Delegito kaj Konsuloj*)

La proponita deziresprimo estis malakceptita.

**Raporto 10-a** (*Esprranto Oficejo*)

La 1-a Kongreso de U. E. A., aŭdinte la raporton de Sro Blaise pri Esperanto-Oficejoj aprobas la nomitan raporton kaj esprimas la deziron, ke laŭeble:

1e En ĉiu Esperanto-Oficejo estu afiŝejo, konforme al la klarigoj liveritaj en tiu raporto;

2e En ĉiu Esperanto-Oficejo la Esperantianoj povu pagi sian kotizaĵon kaj ricevi la oficialajn eldonaĵojn de U. E. A.;

3e En ĉiu distrikto kreiĝu distrikta Oficejo;

4e En ĉiu distrikto stariĝu rondiranta ekspozicio de Esperantiaĵoj, kaj elmeto ĉe la regionaj Oficejoj;

5e La Esperantianoj bonvolu ĉiam konigi al la centra Oficejo la Esperanto-Oficejojn nekonformiĝantajn al la kondiĉoj postulataj de ili.

**Raporto II-a** (*Komerca fako*).

La 1-a Kongreso de U. E. A., aŭdinte la raporton de S-ro D-ro M. Kandt, pri la agado de la komerca fako,

Aprobas la diritan raporton;

Esprimas la deziron, ke: 1e En ĉiu regiono ekzistu komerca konsulo;

2e Estu plej baldaŭ komencata la eldonado de nacilingvaj dokumentoj por la Esperantiaj entreprenoj, ĉe kiuj neniu scias Esperanton kaj poste dulingvaj demandiloj por la uzo de la jam varbitaj Entreprenoj;

3e Estu eldonata listo de la firmoj akceptantaj Esperantan korespondadon;

4e Ĉiu Esperantia firmo havu la rajton enmeti kelkajn liniojn en la Oficiala Jarlibro por informoj pri siaj produktoj;

5e Tuj kiam la financaj rimedoj de l'Asocio tion ebligos, estu eldonata Komerca Bulteno por la Komercaj Konsuloj kaj Entreprenoj;

6e La Komercaj Konsuloj energie klopodu por konigi la servojn de U. E. A. al la komercistaj rondoj de sia regiono.

**Raporto 12-a** (*U. E. A. kaj Laboristaro*).

La 1-a Kongreso de U. E. A., aŭdinte la raporton pri U. E. A. kaj laboristaro, esprimas la deziron ke:

1e Estu elektata kiel eble plej multaj regionaj *Konsuloj por Laboro*, kiuj havos la taskon liveri informojn pri laborcirkonstancoj en siaj regionoj;

2e Tuj kiam la financaj rimedoj de U. E. A. tion ebligos, estu kreata *Labora fako*, kies unua tasko estos la starigo de dungada servo por la Esperantiaj laboristoj kaj la disdonigo de U. E. A. al la laboristaj organizaĵoj.

(1) Kun senpaga Jarlibro.

**Raporto 13-a** (*Disdonado de reklamiloj*).

La 1-a Kongreso de U. E. A., aŭdinte la raporton de S-ro Stromboli, Del. en Genova, esprimas la deziron, ke U. E. A. laŭeble en unu el la plej grandaj komercaj urboj de ĉiu lando fondu centran oficejon por disdonado de Esperantiaj reklamiloj.

**Raporto 14-a** (*Pri presado de la nomoj de la Delegitoj en la naciaj kaj internaciaj adresaroj.*

La 1-a Kongreso de U. E. A., aŭdinte la raporton de S-ro Renaud Richez, Del. Peruwelz, esprimas la deziron ke la Delegitoj klopodu por enskribigi sian nomon kaj adreson en la nacilingvajn, speciale komercajn adresarojn.

**Raporto 15-a** (*La Organizo de la Komerco per Esperanto*).

La konkludoj de la raporto estis akceptitaj. Nenia speciala deziresprimo estis voĉdonita.

**Raporto 16-a** (*Servoj de l'jurnalo « Esperanto » por la Komerco*).

La 1-a Kongreso de U. E. A. esprimas sian aprobon pri la jurnalo *Esperanto* kaj ĝia rolo.

**Raporto 17-a** (*Pri varbado de internaciaj kunvenoj kiel Esoerantiaj Entreprenoj*).

La 1-a Kongreso de U- E. A., aŭdinte la raporton de S-ro Linares, Del. en Cordoba, esprimas la deziron, ke estu starigata de U. E. A. dokumentaro kaj informejo pri manifestadoj de la internacia vivo, laŭ la plano montrita en la raporto.

**Raporto 18-a** (*Monosistemo*).

La 1-a Kongreso de U. E. A. aŭdinte la raporton de Sinjoro Schmid, komitatano por la fako Turismo, pri la Monosistemo, esprimas la deziron ke 1e U. E. A. ne nur eldonu ĉiujn siajn presaĵojn en la Monoformato, sed ankaŭ klopodu por la disvastigo kaj diskonigo de tiu altvalora kulturfaktoro ĉe la komercistoj, iniciataj societoj, lernejoj, fervojoj, ŝipkompanioj, ktp.

2e U. E. A. proponu al la poŝtaj direkcioj de la diversaj landoj enkonduki dum la venonta Universala Poŝtkongreso la Mono-formaton kiel formaton por la poŝtkartoj. Por submeti tiun postulon U. E. A. samtempe provos veki en la influaj rondoj de komerco, industrio kaj ĉiuspeca interrilato la intereson al tiu popolliganta afero.

**Raporto 19-a** (*Reformo de l'Kalendaro*).

La 1-a Kongreso de U. E. A., aŭdinte la raporton de S-ro Rousseau, esprimas la deziron, ke:

1e La dato de la Paska Dimanĉo estu por ĉiam fiksota;

2e Por la profito de l'komerco kaj industrio la gregoria kalendaro estu simpligota laŭ la modelo de l'kalendaro jam studita kaj akceptita de la Internacia Kongreso de la Komercaj ĉambroj (1910).

3e La ĉi supra deziresprimo estu komunikota de la Komitato al la oficialaj institucioj kaj diskonigota de niaj Delegitoj, je la nomo de U. E. A., al la diversaj komercaj rondoj de sia regiono, kaj al la publiko per artikoloj en la gazetoj.

**Raporto 20-a** (*Junula Fako*).

La 1-a Kongreso de U. E. A., aŭdinte la raporton de S-ro Rockmann pri la agado de la junula fako, aprobas ĝin kaj esprimas la deziron ke:

1e En ĉiu regiono la Delegito elektu konsulon por junuloj;

2e La Konsuloj por junuloj klopodu diskonigi en sia regiono ĉiujn petojn kaj proponojn pri servoj enpresatajn sur la oficiala organo de U. E. A.;

3e La Konsuloj por Junuloj energie klopodu por konigi la servojn de la junula fako unuparte al la junuloj de la Esperantistaj kursoj instigante, ke ili aliĝu al U. E. A., aliparte al la gepatroj kaj lernejaj aŭtoritatoj.

4e Oni faru alvokon al ĉiuj konsuloj por Junuloj pri interŝanĝo de infanoj, presigotan en naciaj gazetoj.

**Raporto 21-a** (*U. E. A. kaj Studentoj*).

La 1-a Kongreso de U. E. A., aŭdinte la raporton pri U. E. A. kaj studentoj, esprimas la deziron ke:

1. Ĉiuj Delegitoj klopodu por trovi konsulon por Junuloj kaj en la gravaj urboj ankaŭ konsulon por Studentoj.

2. La Konsuloj loĝantaj en universitataj urboj, klopodu por eldonado de universitata gvidfolioj;

3. En la universitatoj, kie estas kelkaj Esperantianoj studentoj fondiĝu grupo aliĝanta al U. E. A.

**Raporto 22-a** (*Pri la fondo de vojaĝstipendioj*).

La 1-a Kongreso de U. E. A., aŭdinte la raporton de S-ro Rousseau, Delegito en Dijon, pri la fondo de vojaĝstipendioj, esprimas la deziron ke.

1e Vojaĝstipendioj estu fondataj en kiel eble plej multe da distriktoj.

2e Ĉiujare U. E. A. laŭeble deprenu el la Centra Kaso sufiĉe gravan helpmonon por helpi al la fondo de tiuj vojaĝstipendioj.

3e La Komitato mem decidu pri la atribuo de la helpmono, kaj starigu la regularon de la konkurso.

4e La Delegitoj klopodu ebligi kiel eble plej malgrandajn loĝelspezojn al trapasantaj stipendiuloj.

**Raporto 23-a** (*Esperantiaj sernejoj sekcioj*).

La 1-a Kongreso de U. E. A., aŭdinte la raporton de S-ro Rousseau, esprimas la deziron, ke:

1e Por plifaciligi la disvastiĝon de U. E. A. inter la gelernantoj (ne studentoj), la Delegitoj klopodu por fondi en kiel eble plej multe da lernejoj Esperantiajn rondetojn;

2e La Komitato organizu tiujn rondetojn laŭ la principoj klarigitaj en la raporto de S-ro Rousseau kaj atentu pri la tute necesa apartigo inter tiu ĉi fako kaj la fako de studentoj.

**Raporto 24-a** (*Esperantia Biblioteko*).

La 1-a Kongreso de U. E. A.

Aŭdinte la raporton pri Esperantia biblioteko, esprimas la deziron, ke estu starigata Esperantia Biblioteko, kiu konsistos el malkaraj libretoj dediĉataj: 1-a al la diskonigo de U. E. A. kaj ĝia socia signifo; 2-a al la instruado praktika de diversaj demandoj koncernantaj la vivon internacian.

**Raporto 25-a** (*nericevita*).

**Raporto 26-a** (*Turisma fako*).

La 1-a Kongreso de U. E. A., aŭdinte la raporton de S-ro Schmid pri Turisma Fako, aprobas ĝin kaj esprimas la deziron ke:

1e Ĉiuj Delegitoj elektu specialan *Turisman Konsulon*;

2e La Turisma Konsulo rilatu kun la loka turisma societo, se tia ekzistas, por konigi al ĝi U. E. A. je la vidpunkto de l'turismo. Li kolektu ĉiujn informojn, kiuj povus lin helpi por liverado de informoj kaj helpado al Esperantianoj (Landkarto, gvidlibro, tabeloj de vagonaro, ktp.);

3e Ĉiuj vojaĝantaj Esperantianoj uzu la servojn de U. E. A., kunportu sian membrokarton, Jarlibron kaj gvidfoliaron dum vojaĝo kaj laŭeble ĉu viziti la Delegiton, ĉu informu lin pri sia trapasado;

4e La Esperantianoj, kiuj deziras pasigi sian libertempon kun diverslandaj Esperantianoj, uzu la libertempajn koloniojn starigitajn sub la aŭspicioj de U. E. A.;

5e Ĉiu Delegito havu kajeron por enskribado de la trapasantaj Esperantianoj;

6e La Delegito klopodu por alpendigi ĉe la stacidomo de sia urbo afiŝon sur kiu troviĝas la adresoj utilaj por la alveturantaj Esperantianoj kaj la nomo de U. E. A.;

7e La Turismaj Konsuloj komuniku al la Oficejo de U. E. A. koncizajn informojn pri la festoj, ekspozicioj, turismaj manifestacioj okazantaj en ilia regiono;

8e Plimultiĝu la Esperantiaj ekskursoj kaj karavanoj, en kiuj partoprenos diverslandaj samideanoj.

**Raporto 27-a** (*Gvidfolioj kaj gvidlibroj*).

La 1-a Kongreso de U. E. A.

Aŭdinte la raporton pri gvidfolioj kaj gvidlibroj kaj konsiderante la grandan utilecon de tiuj eldonaĵoj ĉu por la vojaĝantaj Esperantianoj, ĉu por la diskonigo de regionoj por U. E. A.

esprimas la deziron, ke:

1e) Ĉiuj Delegitoj, en kies regiono ne ankoraŭ ekzistas gvidfolio, klopodu por eldonigi tian gvidfolion, sub la aŭspicioj de U. E. A.;

2e) Estu trovebla kaj elmontrata ĉe ĉiuj Esperanto-Oficejoj la kolekto de la gvidfolioj de U. E. A.;

2e) Estu eldonataj landaj gvidfolioj pri la naciaj apartaĵoj (mono, poŝto, fervojoj institucioj, moroj, k. t. p.), kaj la naciaj Esperantistaj societoj ilin eldonu, sub la aŭspicioj de U. E. A.;

4e) Estu eldonata en ĉiu distrikto alloga gvidlibreto, Esperante aŭ dulingve redaktata kun la celo diskonigi la distrikton kaj altiri al ĝi la fremdulojn;

5e) La gvidlibroj estu laŭ Mono-formato por ebligi facilan bindadon, kaj ne havu anoncojn en la teksto. Ili estu laŭeble disdonataj senpage per la reklama servo de U. E. A.

6e) La Delegitoj klopodu konigi la gvidfoliojn kaj speciale la gvidfoliojn de U. E. A. al la lokaj institucioj por la fremduloj, atentigante ilin pri la reklamo farebla por ilia regiono per U. E. A.

**Deziresprimo pri neŭtraleco**

La 1-a Kongreso de U. E. A. esprimas la deziron, ke en ĉiuj oficialaj eldonoj de U. E. A. oni evitu la pritraktadon de ĉiuj politikaj, religiaj kaj naciaj aferoj.

Deziresprimo pri *Esperantia ŝildo*. La 1-a Kongreso de U. E. A. esprimas la deziron, ke U. E. A. eldonigu oficialan afiŝon de U. E. A. uzotan kiel internacia rekonigilo por Delegitoj, konsuloj, k. t. p. La desegnaĵo estu fiksita interkonsente kun la Mono-societo kaj aprobita de la komitato.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

(U. E. A.)

## *OFICIALA INFORMILO*

### ADMINISTRA FAKO

*Diversaj avizoj.*

∴ En monato septembro niaj Delegitoj ricevos N-on 8-an de la *Oficiala Bulteno* por la voĉdonado pri la kotizaĵo proponitaj de la Kongreso kaj pri projekto de reviziita statuto, ellaborita konforme al la deziresprimo de la Kongreso.

∴ Ni publikigos en nia venonta no la rezultatojn de la baloto de *distriktaj Delegitoj*.

*Novaj Delegitoj.*

Ĝis la 5-a de Aŭgusto estis elektitaj Delegitoj en la jenaj lokoj:

*Boras* (Svedujo). — S-ro J. A. Blankvist, Box, 38.

*Clamart* (Francujo). — S-ro R. Jourdain, stenografisto, 44, rue rue Chef-de-Ville (Subdel, dependa de Parizo).

*Kars* (Kaŭkazo). — S-ro S. Pavlidi, instruisto.

*Langebrück* (Saksujo). — F-ino F. Ungar, Bergerstr,, 9.

*Mistek* (Moravio). — S-ro F. Masnik.

*Sables d'Olonne* (Vendée, Centra Francujo). — S-ro J. Pépin, Grande Rue de la Chaume.

*Shikigun* (Japanujo). — S-ro D-ro Tsunedziro Matsuda, 51, Oaza Higai, Kawahigashimura.

*Stettin* (Norda Germanjo). — S-ro H. Ducas, Hohenzellernstr., 43 III.

*Tacoma* (Washington, Usono). — S-ro John W. Wood, 943, Commerce St.

*Vsetin* (Moravio). — S-ro J. Zlamal, Dir. burĝa lernejo.

*Zaleczczyki* (Galicio). — S-ro Bienkovski, ĉefkomisario financa.

*Zavala* (Herzegovino). — S-ao U. Avdaloviĉ, instruisto, Trojnica b/g.

Entute 938 lokoj.

ŜANĜOJ: *Annonay*: S-ro G. Grimaud, 2, rue Saint-Georges, estas nun Del. — *Berlin* Pro foriro de la Del. nova balotado okazis. Ĝi donis jenajn rezultatojn: Voĉdonintoj 51. Balotiloj nuligitaj 3, D: S-roj Ellersick 44, Krall 1, Mitsckke 1, Herz 1, Fromm 1. VD: S-roj R. Linse 43, Fromm 3, Ellersick 1. Konsekvence estos Del. S-ro F. Ellersick, redaktoro, Wissmannstr. 46, kaj Vicdel. S-ro R. Linse, inĝeniero, Hindersinstr. 4. A. 2 tr. N. W. 40. — *Bombay*: La Del., S-ro S. R. Karnick, loĝas 23 Tata's New Blocks, Bandra. — *Colorado Springs*: La adreso de la Del., S-ro C. M. Balkam, estas nun Box 228. — *Coventry*: La Del. estas nun S-ro F. W. Shaw, Gresham St. 40. — *Dresden*: La Del. estas nun S-ro F. Ader, Zahngasse 12, Hansahaus, anstataŭ S-ro A. Dinger, forvojaĝinta. — *Fürth*: La Del. estas nun S-ro E. Leu, Nurnbergergstr. 110. — *Linz*: La Del. estas nun S-ro J. Vojtech, Gœthestr. 51. — *Lisboa* (Lisabono): La Del. estas nun S-ro B. Martins d'Almeida, R. da Barraca 135. — *Manzanillo*: La adreso de la Del., S-ro Puig Mestre, estas nun Apartado 182. — *Melitopol*: Pro diversaj cirkonstancoj nova balotado okazis. Ĝi donis jenajn rezultatojn: Voĉdonintoj 28. D: A. Lenkeviĉ 26, Tasovskij 1, Krjukov 1. V D: Tasovskij 10, Losjer 7, Saaz 4, Krjukov 4, Spindler 1, Sidorenko 1. Konsekvence, estas Del. S-ro X. Lenkeviĉ, Gorodskaja Uprava kaj Vicdel. S-ro J. Tasovskij, akcizoficisto. — *Mexico*: La Del estas nun S-ro J. R. Ortega, Apartado 139 bis. — *New-York*: Pro foresto de la Del. oni dume sin turnu al la Vicdel., S-ro Silbernik, 240 E. 19th Street. — *Petropolis*: La adreso de la Del., S-ro Duarte Silveira, estas nun Str. 15 de novembro 619. — *Santiago* (Ĉilio): La Del estas nun S-ro L. Pujol, Ĉila Esp. Asocio, Casilla 728. — *Sontay*: La Del. estas nun S-ro A. Talon, komandanto. — *Trieste*: La Del., S-ro V. Pohusta, loĝas nun Via Palini 4 III. — *Vratza*. La Del. estas nun S-ro Vasil Benĉev. — *Zaragoza*: La Del. estas nun S-ro M. Maynar Baanolas, Cerdan 19; la Vicdel. estas S-ro L. Jordana Pozas.

Oni forstreku el la Oficiala Jarlibro *Charlottenburg* (kunigita kun *Berlino*), *Jonkoeping*, *Ravenna*, *Utiel*, kie provizore ne plu estas Del.

### JUNULA FAKO

*Servoj de la junula fako.*

La Delegitoj kaj speciale konsuloj por

junuloj estas petataj diskonigi la ĉi-subajn petojn al la Esperantianoj de sia regiono kaj ilin afiŝigi ĉe la Esperanto-Oficejo.

Mallongigoj :

Adr. : adreso; al. : dez. veturi al; T : tempo; O : okupo; K : kondiĉoj; R : rimarkoj.

63. S-ro David, studento : Adr. : D-ro Le Duigon, Del., 36, rue de la Fontaine, Cherbourg, Franc., dez. pasigi 2-3 monatojn ĉe germana kuracisto prefere (Aŭg. Sept.). Li pagos pensionon.

64. S-ro A. Narat, Del., rue J. J. Collenot, Semur-en-Auxois, Côte-d'Or Franc., dez. gastigi dum la libertempo junan fremdulon (Germanan, aŭstran aŭ de ia ajn lando). Prezo de la restado tre modera.

# ESPERANTIA VIVO

*Naskiĝoj.*

S-ro Raymond-Henri Bicard, filo de S-ro P. Bicard, Esp.-iano en Dommartin-le-St-Père.

*Edziĝoj.*

F-ino Yvonne Dousset kaj S-ro Joseph Marty, Esp.-ianoj en Paris.

*Mortoj.*

S-ro D-ro Richard Joseph Munn, Esp.-iano fame konata en Savannah. — S-ro S. Savov, Del. de l'U. E. A. en Vratza kaj fondinto de la tiea grupo. Niajn kondolencojn!

*Libertempoj kaj Vojaĝoj.*

S-ro Evrot, Vicdel, de Limoges, en Briançon (Hte-Alpes). — S-ro Willermoz, Esp.-iano, ĉe bieno « Tilleul » Châtenay par Vaugneray (Rhône, France). — S-ro E. Souchay, Esp.-iano el Parizo, en Eastbourne (Anglujo), poste en Londono, — S-ro Roy, Vicdel. de Grenoble, en Vésenaz apud Genève. — S-ro Th. Cart, Prez. de S. P. P. E. kaj Esp.-iano, en La Forclaz (Valais, Svisujo). — S-ro R. de Saussure, Esp.-iano el Genève, en Houlgate, Normandia marboro. — S-ro Génermont, Del. de Paris, en Moulins (France). — S-ro Ed. Privat, Esp.-iano el Genève, en Norwich (Anglujo. — S-ro P. Linares, Del. en Cordoba, en Paris.

* * *

S-ro Szabunievicz, Del. Mokvo, vojaĝas tra Berno, Bruselo, Hamburgo, Hanovero, k. t. p. — S-ro A. V. Lahure, Esp.-iano el Levallois trapasis Liège kaj Kœln, sukcese uzis la servojn du U. E. A. kaj kore dankas la Del. pro ilia akcepto ; libertempos en Dieppe. — S-ro H. Bolinghroke Mudie, prez. de U. E. A. kun kelkaj Esp.-ianoj, vojaĝas tra Wien, Budapest, Belgrad, Bosnio, uzante la servojn de U. E. A. — S-ro Rousseau, komitato de U. E. A. kun kelkaj Esp.-ianoj vojaĝas tra Tirol, Venezio, Verona, Milano, Genève. — Veturis al Washington D-ro L. L. Zamenhof, S-roj Chavet, Rollet de l'Isle (Paris), Decourt (La Flèche), Mybs (Hamburg), F-ino Jahns (Braunschweig), S-roj Arnold, Wiegelmann (Dresden), Postnikov (Peterburho), W. Mann (London), Warden (Edinburg), Miss Lawrence (London), J. Forestier (Genève), k. a.

# Esperantiaj Informoj

*(PROKRASTITA)*

**Ĉe la Centra Oficejo de U. E. A.**
**Lastatempaj faritajoj.**

Forsendo de Of. Bulteno № 7. — Balotigo de distriktaj Delegitoj. — Preparo de la kongresaj laboroj. — Propagando por la kongreso. — Enpresigo de artikoloj pri U. E. A. en naciajn gazetojn. — Forsendo de konteltiroj. — Ekzamenado de la rondirantaj kajeroj kaj komisionaj kajeroj. — Statistikigo de la servoj dum 1909. k. t. p.

Korespondajoj ricevitaj dum junio : 1200; forsenditaj 1757, suma movado 2966 (en majo 2494, en aprilo 1747).

**Bad-Godesberg** (Rejnlando). — Lingvo internacia, neplu projekto sed fakto! Per tiuj ĉi paroloj oni povas karakterizi la Esperantomovadon eble jam en multaj lokoj. Por koniĝi ekzemplon, akompanu nin tra la stratojn de la ĝardenurbo kaj kuracloko Godesberg a/ Rhein, nia « Rejna Esperanto-Kolonio ». Elirante el la stacidomo, ni tuj ekvidas vojomontrilon, kiu gvidas nin al la proksima « Esp. Oficejo », en Bahnhofstrato. Jen estas la Esp. Centro : ni povas legi la afiŝojn de « Godea », aĉeti la plej novajn esp. ĵurnalojn kaj ĉiuspecajn esperantajojn kaj ricevi informojn pri ĉiuj sciindajoj, precipe pri la pensionhoteloj, en kiuj oni parolas Esp. Sur la strato nia salutas policano rimarkinte nian stelon, afable per « bonan tagon! », same gardisto en la « Kuracparko », akvovendistino ĉe la minerala fonto, kelnero ĉe la kastelruino « Godesburg ». Ĉie la verda stelo indikas, ke nia lingvo jam trovis akcepton. Sur la fenestroj de kelkaj vendejoj ni legas la vortojn « Oni parolas en Esperanto » ; la plej granda kafejo havas la surskribon « Centra Kafejo » ; interne ni trovas la ĉefajn esp. ĵurnalojn, fotografajojn de « Godea » k. t. p., tiel ke ni sentas nin kvazaŭ en esperantista legoĉambro. Ankaŭ en la belega ĉirkaŭajo de Godesberg ni trovas esp. helpantojn. Per amuzaj kunvenoj kaj ekskursoj la « Godea » agrabligas al ni la restadon. Resume : Per Esperanto ni ĝuas agrablan libertempon inter esperantistoj.

Antaŭ kelkaj tagoj aperis granda gvidlibro pri Godesberg kun esp. parto ; ĝi enhavas sennombrajn ilustrajojn kaj kelkajn multkolorajn bildojn. Tiun-ĉi belegan verkon ni sendas por respondkuponoj.

Ni kore invitas la samideanojn al nia bela urbeto, la « Rejna Esperanto-Kolonio ».

Godesberga Esperanto-Asocio « Godea ».

**Genova** (Italujo). — La nombro de la Esp.-ianoj atingas nun 64. Imitinda rezultato.

**Grenoble** (Sud-Okc. Francujo). — La Esp. Grupo de Grenoble eldonas novan gvidfolion je 3.000 ekz. kaj universitatan gvidfolion.

∴ La Internacia Paŝkonkurso, pri kiu ni parolis en nia lasta n°, okazos ne en 1910, kiel ni erare diris, sed en 1911.

**Paris** (Franc.). — La nombro de la Esp.-ianoj atingas nun 143. — S-ro Ed. Privat faris ĉe la Sorbonne sukcesan paroladon pri U. E. A. kaj Esperantismo.

**Saint-Etienne** (Sud-Okc. Francujo). — Kreo de Esperantista Eksporto Oficejo. Laŭ laŭdinta iniciato de kelkaj esperantianoj, fondiĝos baldaŭ en Saint-Etienne (Francujo) Esperantista Eksportoficejo por la senpera vendado fremdujon de la tiel ŝatindaj kaj universe konataj specialajoj fabrikataj en la regiono mem, kiel : Rubando, veluro, pluŝo, punto el le Puy ĉaspafiloj, revolveroj, bicikletoj kaj apartaj pecoj, teksiloj, silkaj essperantajoj, k. t. p.

Ni tre ĝojas pri la kreo de tia entrepreno kiu montros la taŭgecon de Esperanto, kaj U. E. A. laŭ komerca vidpunkto, kaj samtempe havigos al la gesamideanoj ŝatindajn ŝparojn nur atingeblajn per senpera aĉetado en la produkteja lando mem.

Por ĉiuj informoj sin turni per duobla poŝtkarto al S-ro Peyraud, vic. del. U. E. A., 54, rue de la Préfecture, Saint-Etienne.

**Travers** (Svisujo). — Ĉe sukcesa Eso. festo de la Esp.-istoj de la Kantono Neuchâtel aranĝita de nia Del., S-ro Stroele, S-ro H. Hodler, faris paroladon pri Esperantismo kaj U. E. A.

**Rio-de-Janeiro** (Brazilujo). — Dum la 3ª Brazila Esp. Kongreso, nia Del., S-ro Fauzeres faris plensukcesan paroladon pri U. E. A. La Brazila Kongreso esprimis la deziron, ke U. E. A. kiel eble plej disvastiĝu en Brazilujo.

**Siena** (Italujo). — Okaze de la ĉevalkuradoj en Siena, la Itala Esp. Federacio aranĝis sukcesan ekskurson al tiu urbo. La vizitantoj — sufiĉe multaj — estis tre kore akceptitaj. Okazis kunveno, kiu preskaŭ duobligis la nombron de la grupanoj. Lundon, gviditaj de l'Del. de U. E. A. kaj de la prezid. de l'grupo la alvenintoj viziits la urbon. Dank'al la klopodoj de la agema Del. kaj de la Prez. de l'grupo, tiu ekskurso lasis al la partoprenintoj neforgeseblan memoron. *(Daŭrigota).*

∴

*Gazelaro*

Tre multaj gazetoj enpresis nian artikolon pri la Kongreso. Ni ricevis plurajn centojn de ili ; oni do facile komprenos, ke ni ne povos ilin ci ti. Ni dankas ĉiujn Del., kiuj sukcese aŭ ne klopodis, por la enpreso de tiu artikolo. Pro la sukceso atingita de tiu sistemo, ni intencas ĝin kelkafoje uzi dum la jaro.

# INTERNACIA INSTITUTO de Esperanto

Ĉar la rolo de la *Internacia Instituto de Esperanto* ne ŝajnis tre klara al la Estraro de *Germana Esperanto Asocio*, estis diskutite pri tio en la lasta (V-a) Germana Esperanto-Kongreso en Augsburg kaj redaktite la sekvanta interkonsento :

1e La Instituto zorgos per konigi al siaj supergradaj diplomitoj, ke ili ne rajtas laŭleĝe uzi en Germanujo la titolon *Profesoro* de Esperanto » sed nur « Diplomierter Esperanto-*Lehrer*.

2e La ekzamena komitato de G. E. A. post ricevita klarigo, ke la celo kaj programo de la ekzamenoj de l'Internacia Instito de Esperanto estas esence malsamaj ol tiuj de la naciaj ekzamenoj, ne plu konsideras ekzamenojn de la Instituto kiel kontraŭajn al tiuj de la G. E. A.

∴

Dum la kongreso, kelkaj kandidatoj estis ekzamenataj. Ni publikigos iliajn nomojn post la plenumo de la 2-a parto (skriba) de l'ekzaneno.

En la juĝantaroj partoprenis : S-ro Ed. Privat, Prezidanto ; S-ro H. Hodler, Ed. Stettler (Svisujo) ; S-ro Szabuniewiez (Moskvo) ; S-ro Gluck (Vieno) ; D-ro Stromboli (Genua) ; S-ro Davidov (Saratov) ; S-ro Barvir (Praha).

# VARIETEA MONDO

**Ĉefkunveno de l'Varietea Esperantista Ligo**

La 20 Junio okazis en Berlino la ĉi-tiujara ĉefkunveno. Anstataŭ la malhelpita prezidanto la ĝisnuna sekretario prenas sur sin la prezidantecon kaj salutas la ĉeestantojn en la nomo de V. E. L.

Al la 1-a punkto de l'tagordo la prezidanto donas resume la jar-kaj kasraporton. Laŭ ĝi la ligo havas 200 membrojn, el ili ĉekkvar eminentaj direktoroj. La 15 Decembro 1909 oni starigis oficejon, kies estro estas la ĝenerala sekretario S-ro Linse en Leipzig, Kurprinzstrato 22 III. En multaj pli grandaj urboj de l'tuta kontinento oni elektis konsulojn, kiuj donas al la liganoj ĉiajn informojn kaj helpon. En 54 lokoj de Germanujo, Aŭstrujo, Francujo, Anglujo, Holandujo, Italujo, Rusujo, Hispanujo kaj Ameriko ricevas la membroj senpagan esperantan instruadon, ekz. en Duesseldorf, Breslau, Gera, Hannover, Leipzig, Wien, Zuerich, Rotterdam, k. t. p. La nombro de tiaj instruejoj senĉese estas pligrandigata. Kiel oficialaj ligaj gazetoj « Das Programm » kaj « Das Organ » kaj la Esperantaj gazetoj « Esperanto » kaj « Germana Esperanto Gazeto ».

Iniciatite per la esperantaj prezentatoj de S-roj Karl karl kaj Kamilo Schwarv, kelkaj membroj konsentis, ankaŭ aranĝi esperantajn prezentadojn. Por farigi tradukojn ĉirkaŭ 60 diversnaciaj gesamideanoj estas je la dispono de V. E. L. Pro tio estas eble, traduki ĉiun prezenton el ĉiu lingvo. Rimarkinda estas la fakto, ke multaj artistoj dissendis esperante verkitajn reklamojn al direktoroj. Antaŭ nelonge oni fabrikigis specialan signon por la liganoj. Baldaŭ aperos ankaŭ afiŝo de V. E. L., projecktita de S-ro Karl Schwarz. Ĉi-tiun afiŝon oni pendigos en ĉiuj varieteejoj, artistaj kafejoj kaj restoracioj.

Rilate al la kasraporto la prezidanto proponas la bilancon, ekzamenitan kaj ĝuste trovitan de la du elektitaj revizantoj Petras kaj Max Maxini. La liga havajo estas 121,25 Markoj.

La ĉeestantoj interesplene aŭskultis la raporton, kaj je iniciato de S-ro Bruno Pitrot oni esprimas al la estraro la kontenton kaj dankon.

Tial, ke la dua punkto de l'tagordo tiamaniere estas finita, oni decidas, ke la elekto de l'estraro okazos post la punkto : « Aliigo de la regularo ».

Pri la 4-a punkto « aliigo de l'regularo » parolas la ĉefsekretario, kiu klarigas la mankhavecon de l'ĝisnuna regularo, kreita tuj post la fondo de l'ligo. La rapida evoluado de l'ligo estis tiam ne antaŭvidebla, tiel, ke la regularo nun estas nesufiĉa. S-ro Linse antaŭlegas la novan regularan projekton, kiu detale estas diskutata kaj aliigita, sed poste unuvoĉe alprenata. Ĉefaj aliigoj estas : La estraro konsista el la prezidanto, la anstataŭanta prezidanto kaj el la estro de l'liga oficejo. Ĉe la aliĝo al la ligo estas pageblaj 0.50 Sm. por enskribo kaj la liga signo. Por plifaciligi la organizadon en aliaj landoj, la estraro elektas naciajn vicprezidantojn. Por la ĉefkunvenoj la transdonado de l'voĉdonrajto al alia persono estas permesata.

3-a punkto : Elekto de l'estraro. S-ro L. Grunwald proponas reelekton de l'ĝisnuna estraro, dirante, ke la jara raporto pri la ligo estas surprizinta lin, ĉar li ne kredis ebligeblaj tiajn sukcesojn dum la mallonga tempo. Ĉi tio estas pruvo, ke la ĝisnuna estraro fervorege laboris. Oni konsentas la proponon kaj unuvoĉe alprenas ĝin. Laŭ decido la nova estraro estas jena :

1-a Prezidanto : Kamillo Schwarz.

Vicprezidanto Karl Schwarz.

Generala sekretario kaj estro de l'Oficejo O. Linse.

En la nomo de l'estraro S-ro Karl Schwarz dankas al la membroj por la konfido, certigante, ke la estraro, kiel ĝis nun, ankaŭ estonte klopodos plenumi sian gravan taskon.

5-a Punkto. Karl Schwarz proponas, atentigante je la baldaŭa finiĝo de l'societa jaro plimalkarigon de l'kotizajo. Novaj aliĝantoj membroj nur pagu por ĉi-tiu jaro la duonan kotizajon kiam ili samtempe pagas ankaŭ la kotizajon por la estonta jaro. Post longa diskuto oni unuvoĉe konsentas al ĉi tiu propono. Ĉi-tiu modo ekvaloras jam en ĉi-tiu jaro kaj estonte ĉiujare post la 1-a de Julio.

6-a punkto. Diversajoj. La ambaŭ ĉeestantaj reprezantantoj de V. E. L. en Berlino, S-rino M. Rabe kaje S-ro Soestmann petas doni la esperantan instruadon en unu sola loko, sed ne en kafejo aŭ restoracio. Oni decidas, konsideri ĉitiujn dezirojn.

Je l'fino de l'kunsido S-ro Karl Schwars atentigas pri la Esperanta prezentado, okazonta ankoraŭ la saman vesperon kaj por kiu la direkcio presigis la esperantajn programojn, plue pri la esparanta somera festo, okazonta la 26-a de Junio.

Korege dankante al la ĉeestantaro por la montrita intereso la prezidanto finas la kunsidon.

**Esperanta prezentado en la « Apollo Theater » en Berlino**

La 20 junia 1910 certe restados en la memoro de l'Berlinaj gesamideanoj, ĉar same kiel la samideanoj en Parizo, Haag kaj Rotterdam ili havis la plezuron ĉeesti al vera esperanta varieteprezentado, aranĝita de la V. E. L. sub la direktado de S-ro Karl Schwarz.

La vizitantaro de l'citita teatro ne malmulte estis mirigita, kiam ĝi ĉe l'enirejo de l'teatro ricevis programon, tute presitan en lingvo, nekonata al ĝi. Sed germane verkita flugfolio, aldonita al ĉiu programo baldaŭ klarigis al ĉiuj, ke la nekomprenata idiomo estas Esperanto, kies preferoj estis klarigitaj sur la sama folio, enhavanta plue « La Espero ». Detala artikolo pri la celoj de V. E. L., kiun dorsflanke enhavis la programo baldaŭ kaŭzis, ke ĉiu el la eble mil ĉeestantoj ekkonis la celon de l'tiama vespero, nome la aranĝon de Varietea Esperanta prezentado.

La programo mem komenciĝis per « Marŝo por bonveno de la Esperantanoj », ĉiuj artistoj portis la ligan emblemon, estis ornamintaj siajn aparatojn per grandaj verdaj steloj kaj parolis pri aŭ en Esperanto: Sinjoroj Schwarz en la jam konata maniero demandis la publikon, ĉu Esperantanoj ĉeestas, kaj el ĉiuj anguloj oni laŭte respondis : « Certe, certe! » kaj petis : « Parolu Esperante! » Tuj Carl Schwarz salutis esperante la vizitantaron en la nomo de V. E. L., kaj anoncis kaj klarigis la parodion, dum kiu la familio Schwarz dancis rusan dancon, kantante esperante verkitan kanteton.

Post ĉiu numero sekvis entuziasma aplaŭdado, kiu pligrandiĝis ankoraŭ, kiam la muziko ludis la himnon « La Espero ». Samtempe aperis sur transparento en amplekso de la kurteno la vortoj « Koregan saluton sendas al la geĉeestantaj Esperantanoj la Varieteaj Esperantaj Liganoj ».

Mi certe ne dubas, ke multe da vizitantoj de l'Apolo Teatro, ĝis nun skeptikemuloj aŭ indiferentuloj aniĝos al nia movado.

Post la prezentado la Berlinaj gesamideanoj pasigis la reston de l'vespero ĝis longe post noktmezo en la rondo de l'varieteaj artistoj, kiajn gloris S-ro patentadvokato Schiff en la nomo de l'Berlina Esperanta Societo, dum S-ro Linse esprimis al la ludintoj kaŭzintaj la sukceson de l'vespero, la plej sinceran dankon de la V. E. L. — L.

# Al la Esperantaj komercistoj !

Konstante pligrandiĝas la nombro de la firmoj korespondantaj Esperante, konstante ankaŭ plivigliĝas ĉe la esperantista komercistaro la deziro kaj la bezono utiligi Esperanton por siaj negocoj — vendi al la esperantistoj en la tuta mondo siajn fabrikajojn.

Sed ekzistas nur unu efika rimedo por proponi kaj rekomendi al la esperantistoj tiuj komercajojn-tio estas energia anoncado en la Esperanto gazetoj, dissendado de flugfolioj, eldonado de katalogoj en Esperanto redaktitaj k. t. p. *Reklamo havigas monon* Tamen la plej multaj komercistoj ofte ne povas uzi bonajn Esperanto-gazetojn, 1. ĉar ili ne scias ĉiun praktikan gazeton, 2. Ĉar prezo de anoncoj estas al ili ne konata, 3. ĉar pro la malproksimeco de la landoj la interrilatoj inter la mendanto kaj la presanto de la anoncoj estas malfacilaj, 4. ĉar ili ne scias, en kiaj sociaj klasoj la gazeto estas pleje legata.

Por faciligi tiun taskon al la firmoj, kiuj deziras pligrandigi sian klientaron per anoncado k. t. p. fondiĝis la Tutmonda Esperanto Anoncekspedo celanta ankaŭ utili al la tuta komercistaro esperantista.

Post mallonga tempo jam montriĝis necese plivastigi la laboron de la T. E. A.

Fondita la 4. IV. 1909. de S-ro Theodor Anding en Berlin S. W. 48. la T. E. A. povis dank' al la kunlaborado de S-ro Ernst Wichert malfermi unuan plenrajtan filion en Charlottenburg (Leibnizstr. 25.). Per la mirinda institucio de la U. E. A. kiel Esperantia Entrepreno la T. E. A. sukcesis trovi en multaj diverslandaj urboj proprajn fidindajn agentojn, kiuj volonte donos informojn pri kaj per la T. E. A.

Por faciligi la monaferojn la T. E. A. havas specialan konton ĉe la Ĉekbanko Esperantista Merton Abbey, London S. W. Per tio la T. E. A. facile povas reguligi alpagojn kaj elpagojn de ĉiuj landoj.

Sed ne sole pri anoncado kaj reklamado zorgas la T. E. A. ĝi sisteme aranĝis siajn multajn agadfakojn laŭ la jenaj sekcioj :

Ie Kolektado kaj presigo de anoncoj por ĉiuj esperantistaj kaj naciaj gazetoj, jurnaloj.

IIe Multobligo, presigo kaj dissendado de reklam-flugfolioj ktp. en Esperanto kaj ĉiu ajn lingvo nacia.

IIIe Tradukado de ĉiuspecaj verkoj el fremdaj lingvoj en Esperanton kaj el Esperanto en ĉiun ajn nacian lingvon.

IVe Aranĝo de specialaj paroladoj pri kaj en Esperanto kaj de Esperanto-kursoj.

Ve Turistaj, komercaj kaj sciencaj informoj pri ĉiu regiono ktp., gvidado de fremduloj tra urboj, muzeoj, fabrikoj ktp.

VIe Aranĝo de Esperanto-ekspozicioj memstaraj kaj de partekspozicioj ĉe grandaj internaciaj ekspozicioj.

VIIe Stenografia fiksigo de paroladoj pri kaj en Esperanto kaj laŭ diversaj naciaj lingvoj.

VIIIe Kontrakta solvendado de Esperanto-specialajoj ktp. en ĉiu ajn lando.

Ĉiutage la nombro de la mendoj kaj la amplekso de la laboroj kreskas, tiel ke baldaŭ T. E. A. laŭbezone plimultiĝas la nombron de siaj fak-sekcioj. Ĉiu esperantisto pro tio prompte ricevos la plenumon de siaj mendoj per la T. E. A.

Detalajn sciigojn volonte donos la centra oficejo de la *Tutmonda Esperanto Anoncekspedo.*

Th. Anding.
(Berlin, S. W., 48.)

# Esperantia Parolejo

**Grava Alvoko al la Delegitoj.**

La propono pri *enskribigo de la nomoj de la delegitoj de U. E. A. en la naciaj kaj internaciaj nacilingvaj adresaroj* pri kiu mi jam parolis en tiu ĉi gazeto estis akceptita kaj aplaŭdata de niaj anoj ĉe la Augsburga Kongreso.

Ĵus venas okazo por ne nur alpreni tiun proponon sed por *agi* por ĝia celo.

La firmo C. Leuchs K° en Nürnberg eldonos baldaŭ novan eldonon de sia fama tutmonda adresaro-Estas okazo por agi por tiu punkto, gravega por la propagando kaj praktikeco de nia Asocio.

Mi petas ĉiujn Esperantianojn kaj precipe la delegitojn klopodi aŭ almenaŭ sendi skribajon al tiu firmo por turnigi ĝian atenton al nia afero kaj al la enskribigo de la ĉi supre diritaj nomoj.

Ni agu por la praktikeco, samasocianoj!

Renaud Richez,
*(Del. Perunelz).*

**La hispanaj komercaj ĉambroj kaj Esperanto.**

Per cirkulero-letero mi demandis ĉiujn komercajn ĉambrojn de Hispanujo, ĉu ekzistas en la koncerna loko grupo esperantista kaj kian helpon donas la komerca ĉambro al la movado. Nur 16 komercaj ĉambroj respondis, unu el ili en Esperanto, kiun ĝi uzis. De la aliaj 6 raportas ke ili subtenas la movadon simpatie aŭ en morala senco, 6 ke ili havas neniun rilaton al la ekzistantaj grupoj. La komerca ĉambro de Jerez de la Frontera skribas ke tie ne ekzistas grupo, neniam estis kursoj. Malgraŭe la ĉambro estas preta helpi ĉiun klopodon celantan la disvastigon de la dirita lingvo. Tre interesa estas la letero de Navara, kie ankaŭ ne ekzistas grupo. Tiu ĉi ĉambro ĉiam estas preta por apogi, sur sia kampo de agado, per la plej granda entuziasmo, kiun ajn iniciaton kiu favoros la komercajn rilatojn. La lingva unueco en la komerca vivo, mildigante la krutajojn kaj malhelpojn kiuj la diverseco de lingvoj enhavas, certe alportus grandajn profitojn kaj facilajojn por la universala interŝanĝo. La prezidanto de la ĉambro tial promesas sian tutan personan kunhelpon kaj tiun de la komerca ĉambro por la atingo de tia laŭdinda entrepreno.

Esperebl e niaj hispanaj amikoj uzos tiun favoran sintenadon.

Kiu scias, ke multaj angloj, francoj, germanoj havas la opinion, ke ilia lingvo estos la estonta mondlingvo, ridetos legante la fierajn vortojn de la komerca ĉambro de Sevilla : « ĉi tiu komerca ĉambro deziras ke oni akceptu la hispanan lingvon kiel internacian por la tutmondaj rilatoj, sekvante tiel la iniciaton de gravaj komercaj societoj kaj la opinion de multaj aliaj sciencaj, kiuj diras ke la hispana lingvo estas la plej taŭga tia rolo, ĉar ĝi havas la plej bonan esencajn kondiĉojn kaj ĝi estas uzata de multaj nacioj. Tamen ĉi tiu korporacio ne malestimas la celon de la lingvo internacia ».

Et tiuj raportoj oni vidas ke ankaŭ en Hispanujo same kiel en la plej multaj aliaj landoj la oficialaj riprezentantoj de la komercistaro estas ankoraŭ dubemaj, ĉu Esperanto havas estontecon ; tial ĉiuj fervoraj esperantistoj devos klopodi por konvinki la praktikajn homojn pri la profito de Esperanto ; ili povos tion speciale per la servoj de U. E. A. Mi esperas, ke post kelkaj jaroj, kiam mi ripetos mian enketon, la rezultato estos pli kontentiga ol nun. Hispanaj amikoj helpu por tio.

**Dr. M. Kandt,**
*sindiko de komerca ĉambro,*
*Komerca Fakestro de U. E. A.*

**Pri la utileco de Esperanto kaj U. E. A.**

Bonvolu permesi al mi, angla esperantisto, utiligi vian ĵurnalon, por ke mi danku la Germanajn esperantistojn, kaj speciale la delegitojn kaj membrojn de U. E. A. kiuj faris al mi tre grandajn servojn kiam mi vizitis Germanujon por esplori surloke la kondiĉojn sub kiuj la Germana laborista klaso laboras kaj vivadas. Neniu el nia partio konis la Germanan lingvon, Unu ja pensis ke li konis ĝin, almenaŭ parte. Sed, post kelkaj provoj malsukcesaj sin komprenigi per sia « Germana » (?), li forlasis ĝin, dirante naive. « Jen! Ĉi tiuj Germanoj ne komprenas sian propran lingvon! » Inter kvindek personoj, mi estis la sola esperantisto. Tamen, dank'al Esperanto, la lingva malfacilajo tute ne ĝenis min, kaj estis tre malpligrandigita por nia partio. Nia vojaĝplano alkondukis nin al Berlin, Chemnitz, Leipsik, Frankfurt-s-M., Kœln, Düsseldorf, Elberfeld, Barmen kaj Essen. Bedaŭrinde, mi ne povis skribi sufiĉe frue por havigi la servojn de U. E. A. en Berlin. En ĉiuj aliaj urboj cititaj, la delegitoj de U. E. A. tre kompleze aranĝis ke mi estu bone akceptata ĉe ĉiu stacidomo, kaj post la bonveno, almenaŭ unu esperantisto en ĉiu urbo sin metis tute je mia dispono tiel longe kiel mi restis en la urbo. Ne estas eble al mi tro alte laŭdi la ĝentilecon kaj absolutan sindonemecon de tiuj esperantistoj kiuj min renkontis. Ili helpis min, helpis la partion anglan, kaj helpis. Esperanton antaŭ ol mi forlasis Anglujon, mi ne estis membro de U. E. A. Sed mi ricevis tiom da servoj de la delegitoj de U. E. A., ke tuj post la reveno hejmen mi aliĝis kaj helpis varbi aliajn membrojn. En letero, kiun mi skribis al la « Germana Esperantisto » mi citis nome tiujn al kiuj mi ŝuldas specialajn dankojn, opiniante ke estas plibona propagando por U. E. A. priskribi ĝiajn servojn en gazeto aparta anstataŭ en « Esperanto ». Ne necesas ke oni prediku al la konvinkito kiu legas « Esperanto ».

Antaŭ ol nia partio foriris el Germanujo, ili volonte atestis la elpruvitan utilecon de Esperanto, jene :

*Kopio de letero*

Mi, kune kun kelkaj amikoj, kies nomoj estas subskribitaj al tiu ĉi atesto, sentas ke ni ne povas forlasi Germanujon antaŭ ol esprimi, per vi, nian profundan senton de dankemeco al la Esperantistoj en tiu ĉi lando, pro la granda helpo kiun ili faris al ni en la daŭro de nia vizito. Ni volonte deziras atesti la utilecon de Esperanto kaj U. E. A., tial, ke fojon post fojo, vi S-ro Marklev, vin pruvis kapabla traduki kiujn demandojn, kaj la respondojn, kun mirinda facileco, kvankam vi estis parolanta al nekonataj personoj, kiujn vi neniam antaŭe renkontis, kaj kies nacian lingvon vi tute ne komprenis. Tamen, via komuna lingvo de l'espero ebligis, ke vi povas facile kunparoli, unu la alian kaj antaŭ ebligis al ni la ricevadon de multaj informoj, kiujn ni ne estas ricevintaj sen la helpo de Esperanto. Esperanto antaŭ helpis al ni kompreni kaj estimi la fratecon ekzistantan inter la Germanaj kaj Anglaj laboristoj.

Sekvas 36 subskriboj de la partoprenintoj de tiu karavano.

E. Marklev (Esp-iano Burnley).

# Kien dum libertempo ?

Ferio! Ferio! Tiu sorĉa vorto havas grandegan influon al junaj kaj maljunaj. Ora libereco, tagoj kun senfina ĝuado, sunbrilo kaj arbarodoro enteniĝas en tiu simpla vorteto « ferio ». El la okuloj de l'laciĝinto brilas nova vivĝojo. Por kelkaj semajnoj almenaŭ oni feliĉe povas forgesi penon kaj klopodon de l'ĉiutaga vivo, lernejon kaj ĉiuspecajn laborojn. Oni povas kuri al kamparo, for el la mallarĝa urbo, el la premanta klasejo, eksteren en la freŝan refortikigantan naturan aeron plenigitan per puraj elementoj. Sed kien devas iri la personoj, kiuj pro laboro kaj profesia okupado sentiĝas lacaj aŭ eĉ jam malsanaj je korpo kaj animo? Ni konsilas al la feliĉulo, viziti belan montaran pejzaĝon, trankvilan pacoplenan Alpovalon. La grandaj centroj de la turista kaj fremdula vivado, kie ĉiama bruego, veturila tintado, laŭtaj industrioj malebligas ripozon kaj trankvilon, ne taŭgas kiel feria restadejo. La vivplenaj banejoj, montaraj kaj aeraj kuracejoj multe vizitataj de fremduloj ebligas ja distriĝadon kaj societajn agrablajojn ; sed refreŝiĝon kaj mallaciĝon oni nur trovas en belega montara kaj arbara pejzaĝo. Tie oni per trankvila oportuno povas ĝuadi sian libertempon.

Bone konata kiel hejmeca restadejo estas la Emmenthal (valo de Emme). La pejzaĝo estas riĉa je specialaj naturbelajoj kaj tipa popolvivado. Sufiĉe longa restado en tiu belega alta valo favore influas al korpo kaj animo. La ĉarmaj vilaĝoj, meze inter arbarkovritaj montetoj kaj kuŝantaj sur sunvarmigataj herbejoj, vere invitas al longa restado. Kiu ne ŝatas la vivon en hotelo, kiu preferas ĝuplenajn promenadojn tra arbaro kaj monteloj, aŭ kiu amas la netrolacigan montgrimpadon, tiu starigu sian nesteton en iu bela angulo de l'Emmenthal. Vico da moderne organizitaj hoteloj akceptas fremdulojn je tre moderaj prezoj. Por lernantoj, kiuj bezonas mallaciĝon, la Internacia Edukeja Instituto sur monteto apud Langnaŭ estas ideala feria restadejo, kiun ni sincere povas rekomendi al ĉiuj gepatroj. La malaltaj prezoj ebligas ankaŭ al malpli riĉaj familioj enlokigi siajn filojn tie por kelkaj semajnoj.

Esperu ni, ke la nun ferio alportu por multaj la tiel necesan refreŝiĝon, por ke ili revenu al sia profesia laboro aŭ al sia lernejo kun pli da laboremo kaj plifortikigita sano.

*Berno, en julio 1910.*

J. Schoho, Esperantio.

# Grava Avizo

**Pro preseja akcidento la nuna N° ne povis aperi pli frue. Ni petas pardonon de niaj legantoj pro tiu nevola prokrasto. La proksima N° aperos regule la 20ᵃ de septembro.**



**Korespondado**

Meroe-Weichsel (Germanujo). — S-ro F. Schwartz, PI.

Palafrugell (Gerona, Hispanujo). — S-ro Petro Ral, P. I. L. P. M.

Condé (Nord-Francujo). — S-ro Leŭt-to Manney-Novo, P. I. (precipu kun Sud-Amerikanoj, Azianoj, Afrikanoj, Grekoj, Turkoj).

Pribram (Bohemujo, Aŭstrio). — S-ro Lad Zeka Studento P. I. M.

Barcelona (Hispanujo). — S-ro Andrés Padro, Calle ne Pedro IV, 291, P. I.

Nr Bolton (Lanc, Anglujo). — S-ro J. Birtwistle, 6, Rigby Lane, Bradshaw, P. I. L.

Amsterdam (Holando). — S-oj : G. G. van *Sleenwijk*, Rosengracht, 182 ; *C. Van Swoi*, Pieter Vlamingstreet, 84 ; *G. Olie*, Schoolaan, 36, Watergrafsmeer apud Amsterdam, P. I.

Zaragoza (Hispanujo). — F-ino María Molins ; pazeo de Pomplena, 3, dup.-pral., P. I.

Lauban (Ŝlesvigo, Germanujo). — S-ro Arth. Lachmann, Nicolajstr., 9, P. I. P. M.

Barcelona (Hispanujo). — S-ro A. Torné, Str. Maldonado, 21, P. I. L.

San Feliu de Guixols (Hispanujo). — S-ro Narciso Soler, Str. Caimo, 24, P. I.

Valencio (Hispanujo). — F-inoj Auroro Yanguas kaj Soledado Yanguas, Granta vojo de Cervantes, letra I., P. I.

St-Louis (Usono). — S-ro Stojan, J. Ketipoff, P. I.

Voronej (Rusujo). — S-ro N. Foss, L.P.P.M.

Sobeslav (Bohemujo, Austrujo). — S-ro Frant Perkous, P. I. P. M.

Rio-de-Janeiro (Brazilujo). — S-ro Leandro Goes, 7, de Setembro, 195 (kun Pariza samano pri okultismo).

Pleven (Bulgarujo). — S-ro Simeon K. Bardaroff, Str. Varoŝa, P. I. L.

Bruxelles (Belgujo). — S-ro Alb. Assenmacker, 124, Bd du Hainaut, P. I. (P. M. sur la bildflanko).

Bukarest (Rumanujo). — S-roj G. N. Ghinescu, Str. Toomnei (fotografajoj) kaj Teodor Stefanescu, Laboratul de medicina experimentala, P. I.

Voronej (Rusujo). — S-ro V. Semtchenko, PI. L. M.

Washington D. C. (Usono). — S-ro B. C. Saunders, 1603. third Street., P. I.

Gerona (Hispanujo). — S-ro J. Oller, Strato Barcelona, 13.

Querqueville (Manche, Francujo). — S-roj A. Levay, P. Marchix kaj F. Rouzsin, 2ª regimento Infantería, 11ª unueco, P. I. L. (nur kun nefrancoj).

M. Ostrau (Moravio, Aŭstrio). — F-ino Anna Esterak, instruistfilino P. I.

Hlubok'a ĉe Rychmburk (Bohemujo, Aŭstrio). — S-ro Frant. Bachmann, lernejestro, PI.

Chicago (Ill, Usono). — S-ro J. Wieczorkiéwicz, 1934 W. Webster Ave.

Barcelona (Hispanujo). — S-ro Pedro Aguilo, komercistr., Str. Provenza, 135 (nur kun ĥinoj, japanoj kaj maŭroj) P. I.

Cordova (Respubliko Argentino). — S-ro Pilades Ricci, Rivadavia 39, P.M. P.I. (prefere kun statubildoj).

Gorizio (Litorale, Aŭstrio). — S-ro Hoenig Arrigo, 16, Riva Piazzutta, PI.

München (Germanujo). — S-ro H. Spaltmann, Fruehlingstr., 29. PI. PM.

La Roche-sur-Yon (Vendée, Francujo). — S-ro Giraudon, rue Beauséjour (kun alilandanoj pri matematikaj temoj).

Boulogne-sur-Mer (Francujo). — S-ro Victor Haigneré, internaciaj transportoj, 149, rue du Moulin-à-Vapeur, P. I.

Zaragoza (Hispanujo). — F-ino Maria Molins, Paseo de Pamplona, 3 dup. pral. P. I.

